# REGO

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* *№ 6 (55) decembro 2009*



**en la numero**



**Moskvo, 2009**

## enhavo





**Ne forgesu reaboni REGon por 2010!**


# REGo
**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

**№ 6 (55) decembro 2009**

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2010:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 350 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 20 eŭroj pagendaj al la konto* ***kklg-r*** *ĉe UEA*

# *Lingvaj Festivaloj en Ĉeboksari*




# *... kaj en Moskvo*



## ☺ AMUZAJ MISSKRIBOJ KAJ ERAROJ ☺

*Jen estas kelkaj amuzaj eraroj kaj misskriboj, trovitaj dum legado de diversaj E-tekstoj, plejparte – en artikoloj kaj informoj, senditaj por REGo:*

***invididuaj*** (anst. individuaj)

***moskejo*** (anst. moskeo)

***Movada Forio*** (anst. Foiro)

***okpupo*** (anst. okupo)

***profiulo*** (anst. profilo)

***protoloko*** (anst. protokolo)

***registarto*** (anst. registaro)

***sinsere*** (anst. sincere)

***tinere*** (anst. tenere)

***veteri*** (anst. veturi)

---

# FELIĈAN NOVAN JARON AL ĈIUJ!



*Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

# Omaĝe al la 150-jara jubileo de la Majstro

## 1. La naskiĝo

Kial malpacas kaj interkverelas
Homoj? Ĉu laŭ mondaj fatoj?
Kio kolere incitas kaj pelas
Kontraŭ najbaroj kaj fratoj?



Lingvo alia kaj fremda por homoj
Ŝlosi la koron instigas.
Nekomprenate intencoj kaj nomoj
Strecâs kaj malamikigas.

Multas popoloj kaj lingvoj naciaj –
Kie do trovi l' neŭtralan?
Kiel inventi sur bazoj raciaj
Tiun uzeble realan?

Kontraŭ l' ofende mutiga izolo
Iĝu la homo imuna,
Kaj apud lingvoj de ĉiu popolo
Vivu la lingvo komuna!

Sonu en ĝi kaj poemo, kaj kanto,
Kiujn animoj preferas!
Nomu ĝin hele la vort' "Esperanto" –
"Tiu, kiu esperas!"

## 2. La Unua Kongreso

Kunvenej' de la Unua Kongreso.
L' unueca flame nova elano.
Sorĉe regas la fabela impreso
De feliĉo esti samideano.

La etoso bonvenigas kaj benas.
Arde sonas komunec' de la vero.
Ĉiu ĉiun sen tradukoj komprenas
En la lingvo de la hela espero.

Kiam, kie la similo okazis,
Bruliginte novan torĉon potencan?
Ĉu la nura lingvo kreis kaj bazis
La spiritan flugon senprecedencan?

Io multe pli profunda kaj grava
Trapenetras kaj vervigas animojn.
La ideo plej humane mondsava
Emas venki multjarcentajn kutimojn.

Parolado de la majstro inspiras
Kun la mondo amikiĝi sen baro.
En la juna lingvo l' vivo deziras
Bonan sorton al la hom' kaj homaro.

## 3. Lumu la verda stel'!

En amare malluma horo
Pro mispaŝ' de la blinda sort'
Lumu l' verda stel' al la koro,
Kaj ĝi batu je plia fort'.

Plu impetas la vivoondo
Tra senfin' de la temp' kaj spac'.
Lumu l' verda stel' al la mondo,
Kaj ĝi spiru je plia pac'.

Supren – suben, krutaĵ' – deklivo.
Mankas fortoj, liber' kaj mon'.
Lumu l' verda stel' al la vivo,
Kaj ĝi pasu je plia bon'.

Varmoplene kaj koraltire,
Sen timige venena fum'
Lumu l' verda stel' pli inspire,
Brilu voke la verda lum'!



## 4. Esperanto vivas

Ĝi estis proklam' de l' sento unika,
Kroninte la longan pacan batalon.
Aperis la il' tutmonde efika,
Venkonta l' eternan lingvan fatalon.

Obeas al ĝi marfundo kaj stelo,
Por ĝi ajna sorto estas bonvena –
La lingvo kun voĉ' de l' vero kaj belo,
Ne l' artefarita, sed artoplena.

Kaj provu per ĝi priskribi esperon,
Vekiĝon de penso vitre fragila,
Silkecon de herb', sublunan riveron –
La lingvo tre simpla, sed ne facila!

Komprenas ĝin hom' de ĉiu nacio
En pacaj kuniĝoj vervaj kaj sanaj –
La voĉ de la viv' laŭ alta racio
Por interkonsentoj samideanaj.

Ĝi bolas en vers', romano kaj kanto,
Ĝi vivas en vorto vive aroma –
La bel' de l' homar' kaj hom', Esperanto,
La hela esper' je vivo pli homa!

### 5. Naskiĝtage de la Majstro

Ni kunvenis por ĝoj' de la granda fest',
Kiun Esperantio gloras
Pro la lingvo en bonesperiga vest'.
Kara Majstro, ni Vin memoras!

Via tag' de naskiĝ' el ĉiela for'
Bonaŭgure neĝerojn ŝutas.
Kun fidela dankem' el la tuta kor',
Kara Majstro, ni Vin salutas!

Helajn tagojn donacas la lingvobril',
Kiam la estontec' nebulas.
En l' amike pacama komunikil',
Kara Majstro, ni vin gratulas!

## KONCIZA BIOGRAFIO DE LAZARJ MARKOVIĈ ZAMENHOF

**1859**

3 (15) dec: En Bjalistoko (strato Zielona 6) en la familio de Mordka (Mark Fabianoviĉ) kaj Liba Roĥla (Rozalia) Zamenhof naskiĝas ilia unua filo Lejzer (Lazarj) – Лазарь Маркович Заменгоф.

**1869**

Aŭgusto: Eklernas en la unua klaso de la reala gimnazio en Bjalistoko, sed post du monatoj forlasas la lernadon pro malsano.

**1870**

Aŭgusto: Denove eklernas en la unua klaso.

**1873**

Aŭgusto: Eklernas en la kvara klaso, sed la lernado daŭras nur kvar monatojn.
Decembro: La familio Zamenhof ekloĝas en Varsovio (strato Nowolipie 28).

**1874**

Aŭgusto: Eklernas en la kvara klaso de la Varsovia 2a vira gimnazio.

**1878**
5 (17) dec: Festado de la naskiĝo de Lingwe Uniwersala.

**1879**
Majo-junio: Ekzamenoj en la lasta (oka) klaso de la gimnazio.
15 (27) jun: Ricevas la abiturientan ateston kaj arĝentan medalon en la gimnazio.
Aŭgusto: Aliĝas al la medicina fakultato de la Moskva Universitato.
Septembro: Ekstudas en la universitato.

**1880**
Pretigas gramatikon de la jida lingvo.

**1881**
1 (13) mar: Murdo de la imperiestro Aleksandro II. La situacio en Ruslando malstabiliĝas.
Majo: Plenumas ekzamenojn en la Moskva Universitato kaj decidas eksiĝi el ĝi kaj eklerni en Varsovio.
Somero: Pretigas du kajerojn de Lingvo Universala.
Septembro: Ekstudas en la tria studjaro de la medicina fakultato de la Varsovia Universitato.

**1882**
Januaro-februaro: Artikolo *Kion do finfine fari?* en la ruslingva juda semajnĵurnalo *Razsvet*.
Februaro: Fondas la pracionistan societon Ŝeerit-Israel.
26 mar (7 apr): Artikolo *Sub la komuna standardo!* en *Razsvet*.
Aŭgusto: La tria kajero de Lingvo Universala.


Д-ръ ЭСПЕРАНТО.

МЕЖДУНАРОДНЫЙ
ЯЗЫКЪ.
ПРЕДИСЛОВІЕ
и
ПОЛНЫЙ УЧЕБНИКЪ.
(por Rusoj)

Чтобы языкъ былъ всемірнымъ, не достаточно назвать его такимъ.

Цѣна 15 копѣекъ.

ВАРШАВА.
Типо-Литографія Х. Кельтера, ул. Новолипье № 11.
1887.

**1883**
18 aŭg: Kunfondas la Varsovian grupon de Ĥibat-Cion kaj elektiĝas kiel la prezidanto de ĝia plenumkomitato.
18 (30) nov: Letero al la anoj de la junulara socialisma juda grupo Bilu.

**1884**
Jarfino: Fino de la universitataj studoj.

**1885**
Februaro-majo: Kuracisto en Veisiejai.
Majo-novembro: Staĝado en la oftalmologia fako de la Varsovia juda malsanulejo.
Decembro-majo 1886: Okulkuracisto en Płock.

**1886**
Majo-junio: Studado kaj staĝado en Vieno.
Aŭtuno: Konatiĝo kun Kejla (Klara) Zilbernik.

**1887**

18 (30) mar: Gefianĉiĝo de Lazarj Zamenhof kaj Klara Zilbernik.

21 maj (2 jun): Cenzura permeso por la presado de la *Unua Libro* en la rusa lingvo.

14 (26) jul: Permeso por la enmondigo de la *Unua Libro*. Ĉi tiu tago estas konsiderata kiel la naskiĝdato de la lingvo.

9 aŭg: Geedziĝo. La geedzoj ekloĝas en la strato Przejazd 9.

Aŭtuno: La franca, germana kaj pola eldonoj de la *Unua Libro*.

**1888**

Januaro: *Dua Libro de l' lingvo internacia*.

30 maj (11 jun): Naskiĝo de Adam Zamenhof.

12 (24) sep: Petas la Ĉefan Administracion pri pres-aferoj permesi eldonon de ĉiusemajna gazeto *La internaciulo*.

3 (15) okt: La peto pri *La internaciulo* estas rifuzita.

**1889**

Januaro-februaro: *Plena vortaro rusa-internacia* kaj *Meza vortaro internacia-germana*.

1 sep: La unua numero de *La Esperantisto*.

Novembro: Establiĝo kiel okulkuracisto en Ĥerson.

1 (13) dec: Naskiĝo de Sofia Zamenhof.

**1890**

25 mar: Fondo de la Ligo internacia de Esperantistoj.

Majo: Reveno al Varsovio (Nowolipki 21).

Aŭtuno: En la lernolibro *Vsemirnyj jazyk Esperanto* estas presita *La Espero* en Esperanto kaj en la rusa lingvo; ĝi fariĝos himno esperantista.

Decembro: La Ligo ĉesas sen ekfunkcii.

**1891**

Decembro: Decidas interrompi la eldonadon de *La Esperantisto*, sed Wilhelm Heinrich Trompeter surprenas la eldonkostojn kaj asignas al Zamenhof redaktoran salajron.

**1892**

19 (31) aŭg: Morto de Liba Roĥla Zamenhof.

**1893**

Januaro: Fondo de Internacia Ligo Esperantista, kun Zamenhof kiel la sekretario, kun la celo voĉdoni pri Esperanto-aferoj.

Aŭgusto: *Universala Vortaro*.

Oktobro: Transloĝiĝo al Grodno.

**1894**

Januaro: Komencas publikigi en *Esperantisto* projekton pri reformoj en Esperanto.

15 nov: Voĉdona malakcepto de la reformprojekto. *Ekzercaro* kaj *Hamleto*.

**1895**

15 aŭg: La lasta (1895, №5-6) numero de *Esperantisto*. Zamenhof por kelkaj jaroj ĉesigas preskaŭ ĉiujn Esperanto-okupojn.

**1896**

Esploras kun Vilhelm Ŝenberg la vidkapablon de ĉiuj lernejanoj en Grodno.

**1897**

Oktobro: Reveno al Varsovio (Dzika 9).

**1900**

3 aŭg: Louis de Beaufront prezentas *Esencon kaj estontecon* en Parizo.

**1901**

Aprilo: *Hilelismo. Projekto de solvo de la hebrea demando*.
6 aŭg: Kontrakto kun *Hachette*.

**1902**

Zamenhof iom post iom revenas al Esperanto-aktivado.




**1903**

Novembro: *Fundamenta Krestomatio*.

**1904**

16 (29) jan: Naskiĝo de Lidia Zamenhof.

**1905**

9 (22) jan: Komenco de la Unua Ruslanda Revolucio.
Julio: *Fundamento de Esperanto*.
29 jul: Nomumita kiel kavaliro de la Honora Legio.
5–12 aŭg: La 1a Universala Kongreso de Esperanto (UK) en Bulonjo-ĉe-Maro.

**1906**

Januaro: *Dogmoj de hilelismo* en *Ruslanda Esperantisto*.
Marto: *Homaranismo*.
27 aŭg – 5 sep: La 2a UK en Ĝenevo.
Septembro: La unua numero de *La Revuo*, fondita de Carlo Bourlet por ke Zamenhof aperigu siajn tradukojn.
15–23 okt: Partoprenas konsultiĝojn de lingvoreformistoj en Bruselo kaj Parizo.

**1907**

12–17 aŭg: La 3a UK en Kembriĝo.
15–24 okt: La Delegacia Komitato kunvenas en Parizo kaj akceptas Esperanton kun modifoj.
30 nov: Morto de Mark Fabianoviĉ Zamenhof.
*La Revizoro* (Gogol).

**1908**
18 jan: Rompo de la kontaktoj kun la Delegacio.
16–22 aŭg: La 4a UK en Dresdeno.
*Ifigenio en Taŭrido* (Goethe), *La rabistoj* (Schiller), *Georgo Dandin* (Molière).



**1909**
5–11 sep: La 5a UK en Barcelono.

**1910**
20–25 apr: La 1a Ruslanda Esperantista Kongreso en Sankt-Peterburgo.
14–20 aŭg: La 6a UK en Vaŝingtono.
*Marta* (Orzeszko), *Lingvaj Respondoj*, *Proverbaro Esperanta*.

**1911**
26–29 jul: Korespondа partopreno en Kongreso de rasoj en Londono.
20–27 aŭg: La 7a UK en Antverpeno.

**1912**
11–18 aŭg: La 8a UK en Krakovo.

**1913**
Majo: *Homaranismo* (unuafoje kun la vera nomo).
24–31 aŭg: La 9a UK en Berno.

**1914**
1 aŭg: La geedzoj Zamenhof pro la komenco de la mondmilito estas haltigitaj en Kolonjo.
15 aŭg: Reveno al Varsovio post longa ĉirkaŭvojo.
18 okt: Projekto de Kongreso de neŭtrale-homa religio.
Decembro: Alvoko al la diplomatoj *Post la Granda Milito*.

**1915**
3 mar: Fintraduko de la Biblio.
Marto: Komencas traduki fabelojn de Andersen.
Julio: Transloĝiĝo al Królewska 41.
Proponas porĉiaman revizion de Esperanto.

**1917**
15 feb: La lasta versio de la homaranismo.
Marto: Ekverkas la eseon *Pri Dio kaj pri senmorteco*.

14 apr: Morto.
16 apr: Entombigo.

*Ĉi tiu kronologia tabelo unue aperis en la libro Homarano (p. 313–315). Por ĉi tiu eldono ĝi estas iomete kompletigita. La kompilinto dankas al Roy McCoy pro la skanado de la supra foto, kiu montras d-ron Zamenhof en ties laborejo.*

***kompilis Aleksander Korĵenkov (Kaliningrad)***
*represo el* ***La Ondo de Esperanto****, 2009, №12 (182)*

## BELA URBO, VARMA MARO...

Tiel komenciĝas la kanto, komponita de soĉiano Vladimir Derevjanko. Ĝi kelkfoje sonis dum TILE-5. La renkontiĝo daŭris 8 tagojn (de la 30-a de oktobro ĝis la 6-a de novembro). Ĝin partoprenis 16 gastoj el diversaj urboj (Krasnodar, Uljanovsk – po 3, Dimitrovgrad, Krasnodara regiono, Taganrog – po 2, Ĉeljabinsk, Maĥaĉkala, Tomsk, Volgodonsk – po 1) kaj dek soĉianoj el la klubo “Laro”.

Mi proponas al vi kelkajn taglibrajn paĝojn pri tiu aranĝo.

**La unua tago.** Frumatene la partoprenantojn renkontis ĉe la stacidomode la ĉeforganizanto de TILE-5 Vladimir Bespalov. Post matena teumado la gastoj decidis promeni tra la urbo. La vetero dume ankoraŭ favoris al ni, kaj ĉiuj strebis foti somer-aŭtunajn pejzaĝojn de la bela urbo. Post trihora promeno ni revenis al la klubejo, kie nin jam atendis niaj geamikoj, kaj kune ni foriris al la bone konata hotelo apud la cirko. La hotelo situas oportune, tial ni havis bonan eblecon ĉiutage ĝui Nigran maron. Vespere klubanoj de “Laro” salutis nin ĉe la Arbo de Amikeco. Tiu unika arbo estas ne nur monumento de sciencaj atingoj, sed ankaŭ simbolo de amikeco inter popoloj, ĉar ĝiaj branĉoj kreskas el burĝonoj, greftitaj de homoj el diversaj landoj, nacioj kaj profesioj.

**La dua tago.** Frumatene malgranda grupo de dezirantoj kunvenis en la hotela registrejo kaj iris al la maro por gimnastiko, kiun ĉiumatene gvidis esperantlingve Oljga Terentjeva (Uljanovsk). La gimnastikon sekvis duhora promenado laŭ marbordo kaj fotado. Post bongusta malmultekosta matenmanĝo en ĉemara kafejo ni veturis al la klubejo, kie okazis Solena Malfermo de TILE-5. Ĝin ne malhelpis eĉ riparado de la kultur-



*ĉe la Arbo de Amikeco*

domo, en kiu troviĝas la E-klubo. La partoprenantoj prezentis sin kaj siajn urbojn, enmanigis malgrandajn donacojn al la klubo kaj ĝia senŝanĝa prezidanto Vladimir Bespalov. La prezentadon finis kantoj en plenumo de la soĉianoj. La unua kanto estis "Bela Soĉi". Pianludis la aŭtoro de tiu ĉi kanto Vladimir Derevjanko. Post festa tagmanĝo ni ekskursis kun esperantistino Tatjana Davidova tra la fama urba parko "Rivjera". Interesa koncerto en Vintra teatro memore al kantistino Ljudmila Brovkina kronis la tagon. Tamen vespere okazis neoficiala parto de la programo, dum kiu Aleksej Borodin (Otradnaja) instruis ĉiujn fari origamiaĵojn kaj kantis.

**La tria tago.** Okazis seminario pri informa laboro kaj renkontiĝo kun Galina Belenjuk, partopreninta la 94-an UK en Bjalistoko. Ŝi ankaŭ alportis multajn albumojn pri siaj vojaĝoj tra diversaj landoj, kiuj interesis ĉiujn gastojn. Sur la fotoj ni trovis multajn konatojn, kaj tio ĝojigis nin. Ni tre bedaŭris, ke ili ne povis esti kun ni dum TILE-5. Ankaŭ Uljanovska klubo montris sian fotoekspozicion "Beleco de naturo per okuloj de E-klubo".

Bedaŭrinde ne okazis rakonto de Vladimir Kosolapov pri dolmenoj, kiun atendis la uljanovskanoj pro profesiaj kialoj, sed ni esperas, ke ni nepre aŭskultos ĝin dum TILE-6. Anstataŭ tio ni ankoraŭfoje vizitis la urban parkon kaj oceanan akvariegon, kie eblis konatiĝi kun mirinda mara mondo. Neforgesebla estis esperantlingva taga ekskurso tra la muzeo de la Arbo de Amikeco. Mi jam multfoje vizitis ĝin, tamen ĉiufoje tiu muzeo montras ion interesan. Vespere la partoprenantoj havis diversajn aranĝojn. Kelkaj homoj iris al Vintra teatro por ririgardi floran ekspozicion. Aliaj vizitis koncerton de orgena muziko. Krome la uljanovskanoj gastis ĉi-vespere ĉe Nadeĵda kaj Vladimir Derevjanko. Estis agrabla muzika vespero kaj amika interparolado. La gastama Nadja regalis nin per kukoj. Unuafoje ni gustumis melongenajn kukojn.



*dum la ekskurso tra "Rivjera"*

**La kvara tago.** Pluvis la tutan tagon. Tamen okazis ekskurso al Krasnaja Poljana – objekto de Vintra Olimpiko – kaj supreniĝo al monto Aibga (2238m). La uljanovskanoj ne partoprenis tiun ekskurson. Verŝajne iu rakontos pri tio. Mi vizitis esperantistinon Lidija Timofejeva, kun kiu ni konatiĝis ĉe Azova maro kaj kun kiu (78-jara) lastjare kuraĝe grimpis montaron dum TILE-4. Rememoroj pri ambaŭ

aranĝoj, rakontoj pri ĉi-jaraj eventoj varmigis nin dum tiu pluva malvarma vespero.

**La kvina tago.** Post la hieraŭa pluvego ĉiuj malsekiĝis. Ne eblis sekiĝi. Laŭ nia peto la unua planita aranĝo okazis en la hotelo. Kun granda intereso ni aŭskultis prelegon de Anatolij Ivasenko (Krasnodar) pri leksikologio de Esperanto. Oni povis aĉeti lian libron kaj ricevi subskribon de la aŭtoro. Sekiĝinte ni promenis tra mara bordostrato kaj atingis la klubejon, kie okazis Ronda tablo. Temis pri evoluo de E-movado en Suda Rusio. Parolis Vladimir Bespalov, Lilija Burgar (Volgodonsk), Anatolij Ivasenko, Marina Kocarj (Krasnodar), Gennadij Mitrofanov (Taganrog). Poste ni kantis kaj ludis, uzinte ludojn de nia uljanovska klubo, faritajn antaŭ nia vojaĝo al Soĉi. Ankaŭ la dimitrovgradanoj montris tiutage diskon pri sia urbo, preparitan de Tatjana Iljutkina. Ŝi amuzis nin ankaŭ per fotoj de siaj vestaĵoj el bombonaj paperkovriloj. Vespere ni festis en la hotelo la naskiĝtagon de Oljga Terentjeva.



*bongustaj kukoj de Nadeĵda*

**La sesa tago.** Estis tago de E-kantoj en la klubejo. Gvidataj de Larisa Soniĉeva ni vizitis poste la urban historian muzeon, kie ni povis ekscii pri la urbo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, pri bankuraco, pri grava rolo de la urbo dum la Granda Patria milito... Tre interesaj estis ejoj kun kosmoŝipo kaj akvario. Poste okazis nova vizito al flora ekspozicio – por neforveturintoj, ĉar jam pasis Solena Fermo de la renkontiĝo kaj ni jam adiaŭis niajn geamikojn el Ĉeljabinsk, Krasnodar, Otradnaja. Vespere ni vizitis senpagan koncerton de dancaj ensembloj (en la urbo okazis tiutempe la 9-a infana festivalo "Kinotavrik"). Diversaĝaj dancaj grupoj plezurigis publikon dum kelkaj horoj. Nokta urba promeno kronis tiun tagon.

**La sepa tago.** Kiel kutime, la mateno komenciĝis per ĉemara gimnastiko. Poste ni vizitis nian ĉeforganizanton hejme. Li montris al ni diversajn kom-



*matena ĉemara gimnastiko*

putilajn E-programojn kaj donacis al ni diskojn kun rakonto pri Bjalistoko kaj diversaj E-ludoj. Necesas diri, ke dum la renkontiĝo ni ricevis tre multajn donacojn de la klubo "Laro": librojn, diskojn, foliojn kun kantoj... Eĉ palmojn kaj laŭrajn branĉojn, pri kiuj zorgis Irina Poleŝĉuk. Ni dankas vin, karaj geamikoj! Kaj ni dankas ankaŭ Valerij Ĉerniŝov pro la esperantlingva kanto "Nigraj okuloj", kiun Vladimir Bespalov instruis al li dum deĵorado ĉe la Arbo de Amikeco.

Poste la uljanovsk-dimitrovgradanoj veturis al Adler, kie ili vizitis reptiliejon. La delfenejo estis bedaŭrinde fermita tiutage. La vetero en Adler favoris al ni, tamen dum nia reveno al Soĉi pluvegis tiom, ke ŝajnis, ke ĉiuj montaj riveroj kaj riveretoj superbordiĝis. Feliĉe la busa ŝoforo helpis nin, haltinte ĝuste ĉe nia hotelo. Post nelonga sekiĝo ni ree vizitis nian ŝatatan Arbon de Amikeco, kie nin atendis gastamaj mastroj. Dum la lasta vespero la uljanovskanoj prelegis pri Vasilij Devjatnin kaj voĉlegis lian poemon "Velga". Nian komunan kluban laboron prezentis Natalja Olejnikova (Soĉi), ludante valsojn de Johano Ŝtraus, dum mi rakontis kelkajn epizodojn el lia vivo (teksto de Bronislav Ĉupin el Iĵevsk).

**La oka tago**. Frumatena adiaŭa vizito al la maro. La maro koleris, tamen aperis suno! Lastaj fotoj, lasta onda tuŝado, moneroj, ĵetitaj en la maron... Kisoj kaj ĉirkaŭprenoj de geamikoj... Adiaŭ, bela Soĉi! Adiaŭ, Nigra maro! Ĝis novaj renkontiĝoj! Dankon, Vladimir! Dankon, "Laro"!

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## 100-JARIĜO DE LA 1-a ESPERANTISTA KONGRESO EN RUSIO

Estas interesa fakto, ke la unuan E-Kongreson moskvaj esperantistoj intence kaj obstine provis nomi per longega titolo kiel "*Prepara konferenco de ruslandaj esperantistoj por organizo en Ruslando de periodaj esperantistaj kongresoj*". Inter Tutruslanda Ligo Esperantista kaj Moskva Esperantista Societo estis atingita interkonsento pri aranĝo en Peterburgo de la 20-a ĝis 25-a de aprilo (de la 3-a ĝis la 8-a de majo) 1910 de Tutruslanda Esperantista Kongreso.

Por aranĝi la Kongreson estis formita Konferenca Komitato, kiu konsistis el rajtigitoj de ĉiuj rusiaj esperantistaj societoj.

La unua renkontiĝo de rusiaj esperantistoj okazis la 3-an de majo. En la kongreso partoprenis nur 103 personoj, el ili ĉirkaŭ 20 personoj venis el provincoj. Ĝuste pro la malgranda kvanto de partoprenantoj moskvaj samideanoj proponis la supran longegan titolon, sed peterburgaj esperantistoj nomis ĝin "Unua Tutruslanda Kongreso de esperantistoj".

La 3-an de majo vespere okazis en la ejo de Superaj Virinaj Kursoj de Rajev (Goroĥovaja 20) la unua renkontiĝo kaj reciproka interkonatiĝo de la partoprenantoj. Je la 10-a horo – la unua komuna kunsido de peterburga kaj moskva organizaj komitatoj de la kongreso.

La 4-an de majo matene – renkonto ĉe Varsovia Stacidomo de la Majstro, d-ro L.Zamenhof. Por la renkonto estis malfermitaj paradaj ĉambroj de la stacidomo. Ĉi tie la Majstron salutis komuna delegitaro: prezidanto de TLE s-ro A.Postnikov, kiu transdonis al la kreinto de Esperanto oran signon de la Ligo; delegitoj de la Esperantista Grupo Studenta en Peterburga Universitato – Jakovlev, Stojan kaj Zajcev;

delegito de UEA Sakoviĉ, prezidanto de Moskva Esperantista Societo d-ro Korzlinskij kaj aliaj.

Tre impresa estis la parolado de studenta delegito Zajcev, kiu donis al Zamenhof Hanibalan ĵuron – "... tutan nian vivon dediĉi al Esperanto, tutan vivon labori por Esperanto, neniam ellasi el manoj la verdan standardon kaj ĉiam esti fidelaj al via genia kreitaĵo".

Samtage tagmeze en la ejo de la Virinaj Kursoj enskribiĝis oratoroj por solena malferma kunsido kaj antaŭelektataj kandidatoj por Komitato de la Kongreso.

Je la 8-a vespere okazis solena malferma kunsido en granda salono de la Urba Dumo. Tiun ĉi kunsidon ĉeestis ĉirkaŭ 600 personoj invititaj el publiko. La alveno de Zamenhof estis salutita per longa aplaŭdado. La kunsido komenciĝis per ĥora kantado de Esperanta himno. Sekvis la rakonto en la rusa de s-ro Vasilkovskij pri signifo de Esperanto kaj Esperanta parolado de Zamenhofo pri la neceso paroli en Esperanto inter la samlingvanoj.

Poste sekvis salutaj paroladoj de reprezentantoj de diversaj societoj kaj grupoj, nome: d-ro Korzlinskij de la nomo de Moskva Esperantista Societo; d-ro Muratov – de Pirogova Kongreso; d-ro Asnes – de Societo de rusaj peterburgaj kuracistoj; Andrej Kremljov – de Societo de rusaj artistoj; delegito de bulgaraj esperantistoj; d-ro Koposov – de Simbirska Esperantista Societo; d-ro Moĵajev – de Tutruslanda Esperantista Kuracista Asocio; s-ro Evstifejev – de Esperanta Akademio; Ŝarafutdinov – de tatara loĝantaro; Gogeliani – de kartvela popolo; Deŝkin – de Vilna Esperantista Societo; Zajcev – de Studenta Esperantista Grupo ĉe Peterburga Universitato; Petraŝeviĉ – de Studenta Esperantista Grupo ĉe Politeknika Instituto (Peterburgo); Immerŝvili – de Studenta Esperantista Grupo ĉe Neŭro-psikologia Instituto (Peterburgo); Komarov – de Studenta Esperantista Grupo ĉe Arbara Instituto (Peterburgo); Bulatov – de Studenta Esperantista Grupo ĉe Inĝeniera Instituto (Peterburgo); Jakovlev – de Internacia Studenta Unuiĝo; Bodnarskij – de Studenta Esperantista Grupo ĉe Moskva Universitato; Blinkov – de Studenta Esperantista Grupo ĉe Eklezia Akademio; Bekker – de la plej malnovaj esperantistoj; Frejtag – de Esperantista Societo en Viŝnij Voloĉok; Devjatnin – de Moskva filio de TLE; Mencel – de la gazeto "La Ondo de Esperanto"; Vasilkovskij de la gazeto "Ruslanda Esperantisto"; Asnes – de la ĵurnalo "Vestnik Znanija".

Poste estis tralegitaj salutaj telegramoj kaj leteroj de diversaj esperantistaj grupoj kaj apartaj personoj.

La kunsido finiĝis, post foriro de la ĉeestintaj neesperantistoj, per elektoj de Prezidanto de la Kongreso. Kiel Prezidanto estis elektita per sekreta balotado s-ro A.A.Postnikov.

La 5-an de majo tagmeze okazis la unua labora kunsido, plene dediĉita al la elekto de aliaj komitatanoj. Ĉar multaj rifuzis eniri en la Komitaton, ĝi estis elektita nur post 3 horoj. Ĝin konsistigis: kiel vic-prezidantoj – s-roj Stojan, Devjatnin, Evstifejev; kiel kontrolistoj – s-roj Koposov, Pustovojt, Cvetajev, Bodnarskij, s-inoj Nozikova, Barabanova; sekretario – s-ro Valentinov, kaj help-sekretarioj – s-roj Jakovlev, Deŝkin, Ŝuĥardin.

Je la 6-a vespere de la sama tago okazis la unua agada kunsido. Dum tiu ĉi kun-



sido estis tralegitaj la raportoj: de d-ro N.Korzlinskij – pri Federacio de rusaj esperantistaj societoj; de S-ro Bekker – pri strukturo de Esperanto; de A.A.Saĥarov – pri Esperantaj libroeldonado kaj librovendado.

Vespere de la sama tago en Soljanoj Gorodok la Turuslanda Ligo aranĝis koncerton kun kelkaj drametoj.

La 6-an de majo, tagmeze kaj vespere, okazis en la loĝejo de la Virinaj Kursoj la 2-a kaj 3-a laboraj kunsidoj.

Estis faritaj raportoj: de s-ro T.A.Ŝĉavinskij – pri diversaj metodoj de instruado de Esperanto; de s-ro Valentinov – pri la unuiĝo de ĉiuj ruslandaj esperantistoj; de s-ro Solovjev – pri organizo de propaganda agado de ruslandaj esperantistoj; de s-ro A.A.Postnikov – pri organizo de periodaj ruslandaj esperantistaj kongresoj; de s-ro Evstifejev – pri reprezentado de ruslandaj esperantistoj en internaciaj institucioj; de s-ro A.B.Ketric – pri instruado de Esperanto; de s-ro V.N.Devjatnin – pri internaciaj kongresoj en Ruslando; de s-ro P.E.Vasilkovskij – pri la sintenado rilate al nia afero de diversaj registaraj institucioj; de s-ro A.A.Postnikov – pri internacia kongreso en Ruslando. La lasta proponis, ke la internacia kongreso en Rusio estu aranĝita en 1912 en Varsovio, ĉar en tiu ĉi jaro okazos la 25-a datreveno de nia lingvo.

Tamen kontraŭ tiu ĉi propono tre energie protestis nia Majstro, kiu diris, ke ĝi tute ne konformiĝas kun deziroj de polaj esperantistoj en Varsovio. Ignori iliajn dezirojn estus akto de perforto kontraŭ la tuta pola loĝantaro en Pollando.

La 10-an de majo, je la 13-a horo, en Instituto kaj la 11-an de majo, je la 11-a horo, en la Kunvenejo de la Nobelaro, okazis Komunaj Kunvenoj por fiksi rezoluciojn kaj dezirojn laŭ la faritaj raportoj. Dum la laboraj kunsidoj estis pridiskutitaj 34 gravaj por Esperanto-movado demandoj.

Dum la lastaj kunvenoj estis decidite sendi salutajn telegramojn al Lev Tolstoj,

al gvidanto de la libroeldonejo “Posrednik” Gorbunov-Posadov, okaze de ĝia 25-jara jubileo, kaj esprimi kondolencojn okaze de la morto de Anglolanda Reĝo Eduardo VII. La lasta kunveno estis aranĝita en la Kunvenejo de la Nobelaro. Bedaŭrinde, la ejo estis donita por la kunsido nur de la 11-a ĝis la 2-a horo kaj la kunvenintoj tute ne havis la tempon elekti anojn de diversaj komisionoj. Pro tio iliaj rajtoj per malsekreta voĉdono estis prezentitaj al la Komitato de la Kongreso. La apartaj membroj estis elektitaj nur en la komisionojn: 1) en la federacian: s-roj N.P.Evstifejev, N.V.Korzlinskij, A.M.Nedoŝivin; 2) en la komisionon por kolekto de la dekmila kapitalo: G.Davidov, N.P.Evstifejev, N.V.Korzlinskij, A.M.Nedoŝivin; 3) en la komisionon pri Esperanta libroeldonado kaj librovendado: L.M.Apatov, P.E.Vasilkovskij kaj A.A.Saĥarov.

La kunsido finiĝis per legado de la letero de Zamenhofo, kiu forveturis el Peterburgo antaŭtage kaj pro tio petis letere transdoni lian saluton kaj dankon al ĉiuj organizintoj kaj partoprenintoj de la kongreso kaj esperon denove revidi ilin post unu jaro en Moskvo.

Por partopreni la kongreson, alveturis en Peterburgon el provinco: d-ro Vejcler (Rostov), d-ro Korzlinskij, Valentinov, Saĥarov, Mencel, Devjatnin, Bodnarskij, Tiĥomirov (el Moskvo), Nedoŝivin, Ketric (el Kovno), Deŝkin (el Vilno), Koposov, Jakovlev (el Simbirsk), Ŝarafutdinov (el Troick, Orenburga gub.), Kadik (Pavlovo, Niĵnij-Novgoroda gub.), Raĉkeviĉ, Moskvin (Tvera gub.), Reŝetov (Novgorod), Gogeliani (Kaŭkazio), Cvetajev (Kostromo) kaj 5 personoj, kies adresoj restis nekonataj.

Omaĝe al la centjariĝo de la unua kongreso de rusiaj esperantistoj Rusia Esperantista Unio kun peterburgaj kluboj organizas vican Rusian Esperantistan Kongreson (REK-26) en Sankt-Peterburg la 27-an – 31-an de majo 2010. La kongreso ricevis subtenon de la urbestro Valentina Matvienko. Por la programo estas invititaj famaj esperantistoj-artistoj, inter kiuj estas profesia serba teatro *Kragujevac* kun sia teatraĵo “Postnikov”, en kiu temas ĝuste pri la evento okazinta antaŭ cent jaroj. Peterburgaj esperantistoj kun tuta rusia esperantistaro kore invitas ĉiujn kune celebri la gravan historian eventon de Esperanto-movado

***kompilis A.Sidorov (Sankt-Peterburg)***
*komisiito de REU pri historio de E-movado en Rusio*
*(laŭ la paĝoj de “La Ondo de Esperanto”)*

## DU KAZOJ DE E-MENSADO

Mi la unua ĉesas, fakte senfinan, diskuton de “blindulo kun surdulo” (do, de nefakaj lingvistoj) kaj ne respondas al la argumentoj kontraŭmiaj de Aleksandro Ŝevĉenko (plu AŜ), krom nur unu. En REGo (№ 5 (54), 2009, p. 15) AŜ skribas: *sed mi feliĉe konas ankaŭ verkistojn, kiuj verkas senpere en Esperanto kaj pensas en ĝi. Kaj siajn esprimojn kaj pensojn ili “uzurpas” el aliaj Esperantaj fontoj* ***sen influo de ajna nacia pensmaniero.*** [mia grasigo] Tio verus nur se ekzistus Esperanto-lando, kie la infanoj denaske ekposedas nur esperanton, sed ne la rusan, anglan, ĉinan ktp. Ĉu feliĉe, ĉu malfeliĉe tian landon ni dume ne havas. (Kaj jen ekzemplo de nacia influo: ambaŭ ĉi-temaj diskutantoj rusisme kajumas komence

de la frazoj, kion tute ne antaŭvidas PIV[1].) Se e-pensanta verkisto *uzurpas* “esprimon” de alia verkisto e-pensipova, tio signifas ke li “uzurpas” alilingvan (ĉiverkiste) nacian influon. Tre trafe tion esprimis Sabira Stahlberg en *Esperanto* (1991, 4, p. 71): *La lasta ĉapitro konfirmas la impreson: tiel A.Su reverkis ĉinajn fabelojn poezie en E-to starante sur la ĉina tero per ambaŭ piedoj sed kun la kapo en la mondo* [recenzo pri la *Poemoj de Armand Su*].

Tamen ni agnosku, ke ekzotike e-uzanto povas vere elpensi ion nove sian. Tamen tiu *sia* estas bazita sur la ĉuinfluanta nacilingva fundamento. Bezonatas apartaj pluraj lingvistaj serĉadoj por ekz. malĉuigi mian *ĉuinfluanta* kiun ĉuelpensis la slavo Jovan Zarkoviĉ (en: D.Mikuličič “*0” kaj aliaj rakontoj,* eld. IKS, Zagreb, 1988, pp. 30, 120 (trad. J.Zarkovič)), rimarkis alia slavo AG en *La Gazeto* (n-ro 30, okt. 1990, p. 25; <http://anatolog.narod.ru>), kiu subtenis uzisme en *La Gazeto* (n-ro 77, jun. 1998, p. 6; <http://anatolog.narod.ru>). Bezonatas esplori ĉiujn lingvojn de la mondo por trovi, ke eble en neniu lingvo oni prefiksigas la konjunkcion “ĉu”.

Mi ĵus parolis la temon (AG-opon-AŜ) kun altfake sistem-sciencisto Sergej Bronov (doktoro, profesoro en la universitata katedro de artefarita intelekto), kaj tiu diris proksimume (miavorte) la jenon: *Fakte vi ambaŭ pravas ĉiu per propraj vortoj kaj pensado, ĉiu de sia flanko. La lingvoj de la mondo faras sistemon, kie ĉio estas interdependa kaj disinflua. Tio ne ekskludas, ke ene de tiu tutmonda sistemo restas ankaŭ aŭtonomaj neinfluitaj sistemeroj. Esperanto ekde la naskiĝo enas tiun sistemon.*

> Pasaĝero: S-ro ŝoforo, ĉu oni rajtas fumi en la buso?
>
> Ŝoforo: Nepre ne!
>
> Pasaĝero: Sed mi vidas ke sur la planko de la buso kuŝas multaj cigaredaj restaĵoj. Kiel do tio povas esti?
>
> Ŝoforo: Tio apartenas al pasaĝeroj, kiuj ne faras demandojn.
>
> ***juda humuraĵo de Josef Shemer***

Kontraŭe, por apogi la tezon de mia estimata oponanto (kaj ne nur lia), ke oni pensas en esperanto, mi donu du ekzemplojn kiel mi mem pensante en esperanto subkonscie baraktis liberiĝi de la ruslingva influo. Post trovi unu tiun kazon, mi tuj priskribis ĝin artikole, kaj ĝi ĵus aperis en *Heroldo de Esperanto* (2009, 12, p. 4). Ĉar tiun gazeton abonas tre malmultaj rusianoj, mi tiun artikol-enhavon[2] ripetas ĉi tie, aldonante alian kazon de la e-mensado.

Antaŭ ol la promesita kazo mi priskribu la fonon.

En mia vica vivkrizo, kiam mi iĝis senhejma, al mi permesis provizorloĝi en sia loĝejo la prezidanto de Krasnojarska e-klubo prof. Sergej Bronov. Ne gravis, ke ni intervidiĝis nur du fojojn antaŭ trideko kaj kvino da jaroj. Gravis, ke ni partoprenis la saman rusian e-komunumon, kiun bazis iama SEJM[3]. Sergeo mem provizorloĝas ĉe sia malsankuŝa patrino por prizorgi ŝin. Indas mencii, ke mi jam jaras en lia

[1] Tamen la frazkomenca “kaj” estas sankciita de la Fundamento (Ekzercaro, § 15: “Kaj ŝi tuj lavis sian kruĉon...”). – La red.

[2] Bedaŭrinde, la redakcio de HdE arbitre iom ŝanĝis kelkloke la artikoleton, tamen mi metas ĉi tie mian version senŝanĝa.

[3] SEJM – neoficiala Sovetia E-ista Junulara Movado (1965 – 1979).

loĝejo kaj ke ni ĉiam uzas en nia interkomunikado nur esperanton, ambaŭ pasiaj e-lingvanoj. Sola nia diferenco estas ke mi antaŭ dudeko da jaroj rompis mian karieron por plene dediĉi min al la e-komunumo, sed Sergeo daŭrigis la oficon universitatan, atinginte altajn postenojn.

Do, post jara amikado, mi ekdeziris riparigi la komputilon kaj alkonduki al mia ĉambro kablan televidon. Tio kostas kvaronon de mia pensio, kaj la pensio fakte sufiĉas nur por modesta nutrado (Krasnojarsk estas multekosta urbo). Konante helpemon de mia amiko, mi decidis peti lian subvencion por la afero.

Proksimiĝante al la pordo de li-patrina loĝejo mi, kiel ofte, mense formulis mian peton. "Sergeo, ĉu vi povas pagi la..." estis la unue aperinta, sed tuj poste enmiksiĝis la alia varianto: "Sergeo, ĉu vi povas pripagi la...". Tuj sekvis provo elekti pli taŭgan version de la peto, sed ne sukcesis la trankvila elektado. Mia e-menso obstine rifuzis uzi la vorton "pripagi", ne, ne, nur "pagi". Finite – nur "pagi"! Proksimiĝis la pordo, kaj mi, ne longe pensante, klarigis al mi mem, ke estas ĉe mi tamen ioma honto peti la subvencion, kaj ke mia e-menso selektis plitaŭgan ĉi-rilate formuligon.

Post nemulta enkonduka interŝanĝo de la kurantaj novaĵoj, Sergeo, ĉe aŭdi la peton, enmanigis la bezonatan monsumon... Antaŭ ol foriri mi dividis kun li mian mensan petformuligon kaj diris ke estas iu profunda kialo, kiun mi dume ne trovis. Sergeo, sen longe pensi, diris "rusismo". Kaj li ne bezonis pluvorti, ĉar mi tuj ĉion kaptis. Ruse mi dirus (latinlitere): "Pomogi mne, poĵalujsta, **oplatitj** (**zaplatitj za**) remont kompjutera i...". En e-lingvo laŭvorte kaj laŭ-e-gramatike estus: "Helpu al mi, bonvole, **pripagi** la komputil-riparigon kaj...". Ruslingve la verbo "pagi" estas "**platitj**", kaj la funkciojn de la prefiksoj "o-" kaj "za-" plenumas la e-prefikso "pri". Sekve "**platitj"** plus la prefikso "o" aŭ "za" estas "oplatitj" aŭ "zaplatitj". Se pensi pri pure lingva energio en la subkonscio, evidente, rolas la e-principo de sufiĉo kaj neceso (ŝparo).

En mia vivo mi partoprenas du komunumojn – la ruslingvan kaj la e-lingvan. La e-lingva estis pli interhelpema, kaj ni, e-rusianoj, ofte helpis unu al alia. Do, kio estas honteta ruslingve (do ruskomunume), estas normala e-lingve. Sola prefikso *pri* metas (en ĉi-konkreta kazo) min al ruslingvejo, sekve al rusmensado. Kaj forpreninte la prefikson mi eniris e-lingvejon, kie regas iom aliaj moroj. Du malsamaj lingvo-socioj, du malsamaj mensejoj, du malsamaj vivnormoj. Ke la kazo estas konata ekster Esperantio, montras la jena citaĵo:

*Bordelha estas urbeto en la regiono Perigórd... De la mateno ĝis la vespero ni trairis la tutan urbon, vizitis ĝiajn mirindaĵojn, parolis kun la homoj, manĝis en restoracioj, kafumis en kafejoj, trinkis en trinkejoj kaj eĉ aĉetis en vendejoj. Nenie ni aŭdis la okcitanan. Nokte, post la unua koncerto, aperis la unuaj ebriuloj parolantaj, kantantaj kaj festantaj en perfekta okcitana. Ju pli oni ebriiĝis, des pli la okcitana estis aŭdebla. Estis plezurego paroli kun ĉiuj, kunkanti kaj kunfesti. ... La morgaŭan tagon mi denove trairis la urbeton. Neniu parolis la okcitanan. La homoj hieraŭ parolintaj la okcitanan absolute neis la fakton. "Hieraŭ ni parolis france samkiel ĉiam, eble vi tro drinkis," – ili asertis. Tiu starpunkto ne estas stranga. La sekreton de la vino mi jam sciis de antaŭe kaj eĉ foje uzis ĝin, t.e. pa-*

*roligi la homojn okcitane dum la ebrio. En la plimulto de okazoj, kiam iu konstatis, ke li parolis la okcitanan, kutime tiu asertas, ke neniam antaŭe parolis tiun lingvaĉon. Tamen la perfekta rego de la lingvo, ties akĉento kaj neniom da franceco klarigas, ke tiu homo sufiĉe ofte uzas la lingvon familie.* (Ferriol Macip i Bonet, *Kontakto*, 2006, 3, p. 9)

Alia simila interpuŝiĝo de du miaj mensoj okazis sufiĉe baldaŭ post la priskribita en *La Gazeto* (n-ro 77, jun. 1998, p. 6; <http://anatolog.narod.ru>). Same survoje al mia e-amiko mi ekformulis kial mi venas al la loko de nia renkontiĝo (Sergeo elpordiĝas renkonte) pli frue ol planite. "Mi dum centoj da miaj aferecaj renkontiĝoj ie-ajnaj ĉiam strebas veni iom pli frue ... stop", – diras mia e-menso – "ne taŭgas la vorto *strebas,* ĝi estas tro imperativa, ĝi estas pli forta ol necesus. Strange, sed ruslingve ja taŭgas!.. Sed kiel pli ĝuste diri?", – ekvariantumis la e-menso. – "Ĉu *impetas* veni, ĉu *ŝatas*, ĉu *planas*, ĉu *emas* ... ho jes, jes, certe ***emas*** veni, nepre *emas* veni". Kaj la e-lingvujo ĉesis plu serĉi aliajn variantojn. Tamen, tamen, jen alia esperantisto faras inversan tradukon kaj tradukas *emas* âl la rusa ekvivalento *sklonen*. Damne, sed ruse la nocioj *sklonen* kaj *stremljusj (strebi)* estas malproksimaj laŭ sia denso. Mi tuj telefonis al Sergeo, kaj li responde diris al mi, ke li dum mia ĉi-tema rakonto silentis – ne komentis, sed fakte lia e-kapo dirus ne la vorton *strebas* nek *emas*, sed *preferas.* Ni konkludis fine, ke ĉiu tradukisto, sekve, tradukas ne nur el konkreta lingvo, sed ankaŭ konkretan personon tiulingvan. Ekzemple, niakaze Sergeo havas matematikan kaj aldone komputilistan kleron, kaj mi teknikan kaj aldone kemian kleron. En Esperantio mi estas beletristo, sed Sergeo – sciencisto. Respektive niaj terminoj aspektas: la *preferas* iom pli proksima al ekzakto kaj la *emas* estas pli ĝenerala. Konkludiĝas, ke tio, kion mi kaptis en konscia tavolo, okazas evidente subkonscie ĉe ĉiu dulingvulo. Ĉiama variantado kiu sekvigas tiom riĉegan neripeteblan oferton de la interhoma komunikado.

Do, estas bona aldono al unu el la temoj de mia artikolo en *Literatura Foiro* (239, jun. 2009, p.162). Eventuale estas du tipoj de e-uzantoj. La unua esprimas sin en esperanto nacigramatike, anstataŭigante la naciajn gramatikerojn per la respektivaj e-lingvaj, restante ĉe tio respektiva mensa etnano. Kaj la dua esprimas sin inter la samideanoj per logiko, uzante ĉefe la e-gramatikon kaj la nacian, se ĝi perfekte transdoniĝas per e-logiko. Estas, kompreneble, diskutinda tezo, tial mi ne kontraŭos al oponantoj.

***Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

## 50 JAROJ DE E-MOVADO EN KRASNODAR

Ĉi-jare krasnodaraj esperantistoj festas 50-jariĝon de Krasnodara Esperanto-organizaĵo. Ĉio komenciĝis en 1959, kiam aperis E-rondetoj en la Agrikultura instituto, en la biblioteko nome de A.Puŝkin kaj en la Domo de sciencistoj. Gvidis la rondetojn kaj kursojn malnovaj esperantistoj, transvivintaj la reprezaliojn fine de la 30-aj jaroj: V.T.Najdin, M.A.Popov, A.I.Punjko (tiu lasta eĉ havis iam korespondadon kun L.Zamenhof). En 1972 ĉe la kulturfako de la urba plenumkomitato estis fondita tuturba socia organizaĵo "Esperanto", kiu ekzistis ĝis la disfalo de USSR

(fine de la 80-aj en ĝi membris ĉ. 200 personoj). Diversaj urbaj organizaĵoj disponigis al la esperantistoj senpagajn ejojn por la kursoj kaj aranĝoj, regule okazis ekspozicioj, koncertoj, regionaj E-renkontiĝoj. Multaj krasnodaraj esperantistoj korespondis kun alilandaj samideanoj, vizitis ilin kaj partoprenis en internaciaj aranĝoj kaj kongresoj (kvankam KŜS, sendube, observis la esperantistojn kaj kontrolis ties korespondadon). E-kluboj kaj rondetoj funkciis en diversaj urboj de Krasnodara regiono: Novorossijsk, Gelenĝik, Gorjaĉij Kljuĉ, Armavir, Primorsko-Aĥtarsk. Bedaŭrinde, ni ne sukcesis konservi la organizaĵon en la 90-aj, ĉefe pro la perdo de senpagaj ejoj. Sur tiu fono elstaras la kontinua agado de la E-klubo en Soĉi, kiun ekde 1965 gvidas E-veterano Vladimir Bespalov.



Юбилей эсперанто в Краснодаре

которыми посоветовали контактировать на предмет их возможной заинтересованности в изучении языка эсперанто. И на том спасибо. Возрождение эсперанто-клубов в Краснодаре особенно было бы важно в плане привлечения молодежи к изучению языка эсперанто. Не так уж много у нас сейчас имеется достойных культурных и интеллектуальных занятий, чтобы не сильно напрягать мозги, но было бы интересно и полезно этим людям и всему обществу. Сдвиги к лучшему намечаются. Летом 2007 года в Приморско-Ахтарске, впервые в нашем крае, с успехом прошел Всероссийский слет эсперантистов, на котором более 180 эсперантистов из 11 стран неделю отдыхали, общались на эсперанто, посещали различные курсы, лекции, концерты. Каждый вечер выступали барды из разных стран, в том числе профессиональный музыкант-виртуоз и эсперантист из Франции Жан Мишель Леклерк, который приехал на два дня, чтобы выступить на встрече и уехать обратно. Выступали барды и самодеятельные артисты из ФРГ, Польши, Украины и Латвии. В 2008 году летом в Крыму состоялся Российско-украинский слет эсперантистов, в котором приняли участие 10 эсперантистов из нашего края. А в июле этого года краснодарские эсперантисты, совместно с коллегами из Сочи и Геленджика, участвовали во встрече эсперантистов Юга России в селе Криница на базе отдыха «Геленджик». 26 энтузиастов международного языка из Краснодара, Армавира, Геленджика, Отрадного, Сочи, а также гости из Челябинска, Ельца, Волгодонска, Волгограда и Тюмени отдыхали и общались 6 дней. Во встрече принимал участие также эсперантист из Барселоны, Хуан-Хосе Креспо, пожарник по профессии. Несмотря на не очень

лось, особенно как мы все вместе весело отмечали 56-й его день рождения. На встречах эсперантистов бывает обычно совершенно особая дружеская атмосфера, которая привлекает в эсперанто-движение сильнее любых аргументов и агитаций.

Кратко об эсперанто для тех, кто мало о нем знает.

Эсперанто – это международный язык, созданный в 1887 году польским врачом и лингвистом Людвигом Заменгофом на основе главных европейских языков. Логичная грамматика, простое произношение, интернациональная лексика позволяют выучить этот язык в 5-10 раз быстрее любого другого. Эсперанто – реальная альтернатива для многих людей, которые хотели бы общаться с друзьями из разных стран, но не могут тратить много времени на изучение иностранных языков. Всемирная ассоциация эсперанто, которая существует уже 100 лет, объединяет клубы и организации эсперантистов из 120 стран, в т. ч. и Российский союз эсперантистов. Проходят ежегодно сотни встреч эсперантистов в разных странах мира, где тысячи людей всех возрастов, профессий и национальностей свободно общаются на международном языке, а также сочиняют стихи и поют песни. Издаются книги и журналы на эсперанто на самые различные темы. Эсперанто – это целый мир, удивительная «Страна Эсперантия», гражданином которой можете стать и Вы.

Кто желает подробнее узнать об эсперанто и возможностях его применения, могут обращаться по адресам: www.esperantic.org; www.lernu.net; www.tejo.org; www.interkulturo.net; www.lingvo.info.

**Ивасенко Анатолий Иванович,**
**эсперантист с 1966 года, филолог, преподаватель эсперанто, член Всемирной эсперанто ассоциации, член Российского союза эсперантистов**



Dum lastaj jaroj aperis signoj de renaskiĝo de E-agado en Krasnodar. Nuntempe en la urbo estas ĉirkaŭ 20 geesperantistoj, duono el kiuj estas finintoj de miaj kursoj ĉe la Domo de fervojistoj (la plej talenta kaj aktiva el ili estas Artjom Alimov). Iom reaktiviĝis ankaŭ la malnovaj gesamideanoj Marina Kocarj, Jevgenija Ŝelestova, Gennadij Paveljev. Krasnodaraj esperantistoj regule vizitas regionajn kaj landajn E-renkontiĝojn. En la gazetaro ni ofte sukcesas publikigi artikolojn pri Esperanto kaj rakontojn pri niaj vojaĝoj. En 2007 en Primorsko-Aĥtarsk sukcese okazis somera tutlanda renkontiĝo RET-07 (kun partopreno de pli ol 180 personoj el 8 landoj), kiu ege kontribuis al plia aktiviĝo de E-agado en nia regiono.

***Anatolij Ivasenko (Krasnodar)***

## BARCELONAJ FERIOJ, AŬ RUSA ESPERANTISTINO EN HISPANIO

Kiel bone estas vojaĝi kun amikoj tra la mondo! Sed ĉiuj havas proprajn aferojn; kiam mi havas liberan tempon, aliaj ne havas, kaj inverse. Kion fari? Resti hejme? Tio ne estas malbona, sed kion fari kun la revo pri malproksimaj landoj? Eliro ekzistas! Se vi parolas Esperanton, almenaŭ kiel komencanto, bonvolu legi la recepton por vi: elektu deziratan landon, pri kiu vi revis multajn jarojn, trovu laŭ la kalendaro de Esperantaj aranĝoj, ekz. ĉe <www.eventoj.ru>, kiam en tiu lando okazos iu interesa Esperanta kunveno, kaj – iru!

Bona kolektivo de samideanoj, interesaj ekskursoj, oportunaj vivkondiĉoj estos



garantiitaj. Certe, sufiĉan sanon kaj monon oni devas aldoni. Mi mem sekvis la recepton. Mi tre volis viziti Hispanion, precipe Barcelonon kaj la monton Montserrat. Laŭ la kalendaro de Esperantaj eventoj mi eksciis, ke de 03.10.09 ĝis 10.10.09 en Pineda de Maro (Barcelono) okazos 17-a Internacia Esperanto-semajno de la kulturo kaj turismo. Mi skribis rete al sinjoro Luis Serrano Perez pri mia deziro partopreni la aranĝon, plenigis la aliĝilon, aĉetis flugbileton, kaj jen – mi jam troviĝas en Pineda, kiu situas ĉe bordoj de Mediteranea maro proksime de Barcelono (horo kaj kvarono per trajno). Kaj tuj – multe da palmoj kaj granda bela varma maro!

Mi estis sola rusianino en pli ol centpersona kolektivo de samideanoj el diversaj landoj (Francio, Hispanio, Belgio, Svedio, Nederlando, Latvio, Litovio, Svisio, Germanio, Slovakio). Tiu ĉi cirkonstanco malebligis al mi krokodili, kaj mi havis bonan lingvan praktikon. Eĉ kun mia simpatia najbarino en la ĉambro Vilija Kailiute el Litovio ni parolis ruse, laŭ reciproka konsento, nur dum unu vespero.

Esperantajn lecionojn en Pineda mi ne tre ŝatis, ĉar ĉiuj partoprenantoj ne estis dividitaj laŭ diversaj niveloj, kaj komuna lernado komenciĝis de nulo. Verŝajne, la ĉefa celo de lecionoj, kiujn aranĝis sinjoro prof. Stano Marĉek, la aŭtoro de direkta metodo, bona instruisto kaj afabla viro, estis ne lernado de Esperanto en unua vico, sed lernado de la direkta metodo, kiun ĉiuj poste povus uzi. Tamen, palmoj kaj maro kaj la tuta granda Hispanio tre forte vokis min. Ankaŭ la estimata s-ro Marĉek post la lecionoj plezure naĝis.

Bedaŭrinde, en la listo de ekskursoj mankis Barcelono kaj Montserrat, ĉar la Esperanta kunveno okazis jam la 17-a fojon, kaj multaj partoprenantoj jam antaŭe vizitis tiujn ĉi interesajn lokojn. Rezulte, mi partoprenis en 2 el 3 proponitaj ekskursoj. Unue, en la urbon Terrason, kie ni vizitis muzeon-fabrikon de teksumo. Due: ekskurso en la antikvan urbon Peratallada – belega nomo! – kaj interesa fortikaĵo. Barcelonon kaj la monton Montserrat mi vizitis memstare. La vizito al Barcelono estis preskaŭ miaj "Barcelonaj ferioj", simile al "Romaj ferioj", se iu memoras tiun bonan filmon. Mi ne pensis pri esprimo de mia vizaĝo, mi simple iris, feliĉa, laŭ la verda promenstrato Ramblas de la Placo de Katalunjo ĝis la monumento de Kolumbo, kiu iam elveturis el Barcelono por malkovri Amerikon. Mi ĝuis kaj adsorbis la sunon, kolorojn kaj la tutan belan urbon por longe konservi ĉion en mia animo. La antikva Gotika kvartalo, la vigla "Merkaton Bokerion" kun tre bongustaj kaj malmultekostaj preparitaj fruktoj kaj ial multe da fungoj, precipe flavaj kan-

tareloj, kaj, certe, Gaudi kaj "Sagrada Familia" – ĉio estis interesa por mi. La monto Montserrat ankaŭ lasis neforviŝeblan spuron en mia memoro.

Mi ekkonis plurajn interesajn homojn. Pri la kara Vilija, mia najbarino, mi jam skribis. Mi neniam forgesos Ĝisele Berger kun Combes Robert el Francio, kiu evidentiĝis konatino de mia instruistino Valeria Cvetkova el Peterburg; Gunvor Spektor kun Hans Dahl el Svedio, kiuj vigle respondis al deziro de peterburgaj esperantistoj ludi en Esperanta teatro kaj promesis sendi al mi kelkajn teatraĵojn; Michele Villers kaj De Meyere Hubert el Francio, kaj aliajn. Kune ni havis multe da bonaj horoj kaj dum ekskursoj kaj dum prelegoj. La plej interesa prelego por mi estis tiu de Katalin Kovats pri Van Gog. Ŝi jam rakontis pri Van Gog dum UK-93 en Roterdamo, kiun mi partoprenis, sed tiam mi ne aŭskultis la prelegon. Nun mi komprenis, kiom multe mi tiam perdis. Katalin ankaŭ informis nin pri sia interesa metodo por lernado de Esperanto – kun uzado de temoj de konataj bildoj. Al s-ino Katalin Kovats estis aljuĝita ĉi-jare la prestiĝa Premio "Ada Sikorska-Fighiera".




Multe-multe da bonaj rememoroj lumigos nun mian vivon dum longa rusa vintro. Dankon al la estimata s-ro Luiso Serrano, s-ro Salvator Aragaj, s-ro Santjago Torne por ilia bonkoreco, granda zorgo kaj pacienco, precipe al s-ro Luiso, ĉar li respondis al ĉiuj miaj leteroj el Rusio, klarigis ĉiujn obstaklojn kaj neniigis mian maltrankvilon, do mi ekkuraĝis veturi al Hispanio! S-ro Luiso Serrano aspektas kiel forta, tre serioza kaj severa viro. Sed li havas animon de poeto. Li verksi versaĵon, en kiu li identigias sin kun Pineda:

"De antaŭlonge mi estas nomata Pineda de Maro…", deziras al ĉiuj: "Estu feliĉaj..." kiam "vi promenos tra mia strataro", kaj fine: "Karaj sinjoroj se vi ekskursos, jen nia pinkamparo, kompreneble ne forgesu, al mediteranea maro, ni ankaŭ havas spurojn pratempajn, ĉar jen monumentaro, impresigis al nia najbaro, via verda stelaro".

Salutojn al ĉiuj esperantistoj kaj vivu Esperanto, kiu unuigas homojn!

***Jekaterina Maliŝeva (Sankt-Peterburg)***

# NACIAJ DIRAĴOJ E-VESTE

**parto 5[1]**

**G E R M A N I O**

… ĉar en kelkaj kazoj la aŭtoro **rompas kun sia principo.**
*J.Hamann, or. der Esperantist, 1975, 3, p. 16*

*B.Brecht, Trigroŝa romano (trad. Karl Schulze), Edition Leipzig, GDR, 1977:*

Tuj **forsvingu vin de ĉi tie**, vi hundo! *p. 6*

En la urbocentro ekzistis kelkaj malbonaj **onidiroj** pri tiu ĉi sinjoro, **kiuj** neniam **densiĝis al akuzoj**... *p. 50*

Inter la uniformitoj, sampaŝe, marŝis civiluloj grandparte junaj sinjoretoj..., kiuj **ne lasis sin reteni**. *p. 287*

Vi ne estas prudenta, O'Hara. Al ni restas ankoraŭ kelkaj minutoj, por savi vin antaŭ la pendigilo, kaj **vi ĉarpentas frazojn.** *p. 340*

Li apenaŭ permesas al si feriojn, tagmeze li **englutas kelkajn iometojn**... *p. 349*

**La ĉemizo estas pli proksima al mi ol la jako**... *p. 351*

Per tio estas serĉataj proks. 20 personoj, kiuj **ne havas du "maldekstrajn manojn"** kaj ne timas laboron. [anonco el Germanio]
*Budapeŝta Informilo, 1980, 6, p. 13*

La rezultoj de la dua mondmilito kreis en Eŭropo novan situacion. Ĉiuj landoj, ankaŭ Finnlando, devis **trovi sian linion** en la novaj cirkonstancoj.
*Stefan Maul, or. Monato, 1980, 7-8, p. 27*

Oni **vivas ofte de mano al la buŝo.**
*Detlev Blanke, or. el la parolo, 1980-aj jaroj, Moskvo*

Li ne **frapis al si ankoraŭ la kornojn.** [germana popoldiro: "Er hat sich die Hörner noch nicht abgestoßen"]
*Saksa Kuriero, 1987, 1/2 (69), p. 8*

Li **havas muŝon en la cerbo** (Er hat einen Klaps)
*Saksa Kuriero, 1987, 5/6, p. 8*

Mi **sidas (kiel) sur pingloj.** [germana popoldiro: "Ich sitze wie auf Kohlen"]
*Saksa Kuriero, 1987, 5/6, p. 8*

**Ĵeti al iu bastonon en la radon** [germana popoldiro: "Jemandem einen Knüppel zwischen die Beine werfen"]
*Saksa Kuriero, 1987, 5/6, p. 8*

**En malpura kruĉo ne povas esti pura akvo**.
*Esperantista Vegetarano, 1987, 3, p. 15*

Mia simpla respondo: "Vi estas idioto". Jen kiom **fiera mi estis, esti lekinta kontraŭ la dornojn**. Mi sentis, kiel la personeco kreskis en mia interno.

---

[1] La antaŭaj partoj aperis en REGo №№ 2 (51) – 5 (54), 2009.

*Wendlin Überzwerch, Homoj tiaj kaj aliaj (trad. Alois Meiners), 1989, Armin Gmeiner Verlag, FRG, p. 12*

La ĉefo rigardaĉis min, malrapide **el siaj lipoj kunprenitaj kvazaŭ gutis** (tiun esprimon mi prenis el romanaĉo). "Je la fino de l' monato vi devos preni viajn labor-dokumentojn".
*Wendlin Überzwerch, Homoj tiaj kaj aliaj (trad. Alois Meiners), 1989, Armin Gmeiner Verlag, FRG, p. 13*

Kompreneble, estimataj gekolegoj, en la momento mi ne povas **promesi** al vi iujn **orajn ovojn** por la estonto.
*Stefan Maul, or. Internacia ĵurnalisto, 1991, 1, p. 4*

Tie kaj tiele oficas apenaŭ ĝenate koterio el la plej fervorintaj SED-anoj kaj eĉ STASI-anoj. Kiel ĉiuj oportunismaj lertaĉaj fiuloj sur tiu ĉi planedo, ili **kutimas fali katmaniere – nome ĉiam sur la piedojn.**
*Simono Pejno, or. Monato, 1993, 6, p. 6*

La salonoj estis **ĝisvorte luksaj**, klimatizitaj, komfortaj kaj pretaj servi al ĉiaj bezonoj... [Mi atentis tiun ŝajne-simplan kazon, kiel ekvivalenton de la ruslingva plurvorto: "в полном смысле этого слова" – AG]
*Jan Goldrich, or. La Gazeto, 78 (okt. 1998), p. 7*

Nun **estis al mi kvazaŭ mi devis terenbati la senditon**. Sed estis la maljuna, sincera Hans-Miĉel, kiu mem montris sin tute afliktita pro sia sciigo.
*Wilhelm Theodor Oeste, trad. La Gazeto, 99 (mar. 1999), p. 12*

**Kompleta divido**

Maljunaj judaj geedzoj en restoracio mendis *unusolan* pladon de kokinaĵo, terpomoj kaj salato. Ricevinte la pladon la edzo tranĉdividis la kokinaĵon en du egalajn partojn kaj metis la duonon en la edzinan teleron. Poste li prenis duonon de la terpomoj kaj duonon de la salato kaj metis ilin en ŝian teleron.

La rigardanta kelnero ne povis plu elteni (nu, ankaŭ li estis judo...) kaj demandis la edzon: "Sinjoro, kial vi ne mendis *du pladojn*?"

Respondis la edzo: "Mia edzino kaj mi ĉiam dividas ĉion!"

Tiam la edzo komencis manĝi dum la edzino estis sidanta trankvile kaj ankoraŭ ne manĝis.

Denove la kelnero ne povis elteni kaj demandis ŝin: "Sinjorino, kial vi ne manĝas?"

Respondis ŝi: "Mi atendas la dentojn".

***juda humuraĵo de Josef Shemer***

Samtempe kreskas la amaso da migrantoj, **kiuj** tutmonde **serĉas eskapi el** la mizero.
*Manfred Furer, or. Sennaciulo, 1999, 6, p. 6*

Apud ni Nederlanda vitroblovisto malfermis sian budon. Baldaŭ **sterniĝis vivo sur la** placo...
*Hannelore Brunow, or, Esperanto.Hamburg, 1999, 4, p. 3*

Kaj la bona sinjoro **havis du funtojn da ulceroj sur la postaĵo** pro la daŭra sidado super la tuta scienco.

*Adrian DEN HAAN, trad. La Gazeto, 89 (jun. 2000), p. 8*

Camaĉo pli kaj pli limigas sian rolon al tiu de ridinda jelpulo kaj **trotuar-pisulo**...
*Reinhard Haupenthal, or. Literatura Foiro, 190 (apr. 2001), p. 110*

Por multaj EU-uloj koncedi la dezirindan uzadon de Eo en Eŭropa Unio kaj malfermi la vojon al tio signifas konsenti je eventuala drasta reduktiĝo de la enspezoj propraj kaj de la simil-poziciuloj. (Kaj ni ja konsciu, ke **la plej dolorsentema korpo-parto estas tiu, apud kiu troviĝas la monujo,** kiel oni ŝerce diras.)
*Lu Wunsch-Rolshoven, or. Heroldo de Esperanto, 2004, 8, p. 1*

... la trajno proksimiĝis al la landlimo kaj s-ino Nadja kolektis niajn pasportojn 'por plifaciligi la formalaĵojn'. Mi ĝis nun la mian ne rericevis. Denove mi **sentis tiun formikejon en la stomako.** Nur trankviliĝu mi pensis, ... [la virinoj de la rakonto devenas de Rusio, kie oni TAMEN ne uzas tiun esprimon – AG. ]
*Horst Vogt, or. La Gazeto, 117 maj. 2005, p. 28*

## **H I N D I O**

... ni ne bezonas uzi ĝuste tiun ideon, kiam ni volas **streĉi la tukon por ke ĝi kovru la kazon de "**Konsultiĝu neniam kun lingvistoj" cititan de Gacond...
*Probal Daŝgupto, or. Literatura Foiro, 162 (aŭg. 1996), p. 200*

Dua kadrokandidato estas via stilo. Al mi ŝajnas kongrua kun viaj komunikaj intencoj la sufero-reliefiga, rifuzo-ĉefiga restado ĉe alta diskuta temperaturo. Sed la konversaciado pasia, pro la strukturo de la pasiidaj ĝenroj, ekzilas multajn diskuterojn, kies gravon oni do retrovos nur en momentoj de trankvila solo. [Estas nur peceto da ĵongla e-esprimado, vidu pli en la artikolo mem. – AG]
*Probal Daŝgupto, or. Literatura Foiro, 185 (jun.2000), p. 156-162*

**Demandoj breĉaj** ofte pli gravas, ol **respondoj ŝtopaj** [evidente proverbo hindia kiel moto de la artikolo – AG]
*Probal Daŝgupto, or. Literatura Foiro, 185, (jun. 2000), p. 156-162*

... mi volus nun ligi la ĉi-suprajn ideojn de Daaŝ al du aliaj pensejoj. Kaj peti vin plupensi prie. **Por atingi la unuan pensejon, mi havas veturilon pretan***,* la eseon de Ŝourin Bhattaaĉaarĝo...
*Probal Daŝgupto, or. Fonto, 241 (jan. 2001), p. 7*

Li rifuzis tamen detale pruvi la utilecon, dirante ke tra la tri interpretistoj (eble greka-aramea, aramea-persa, persa-sanskrita) – kiuj, escepte la lingvon, komprenas nenion pli ol la amaso – li ne kapablas doni la pruvon de la utileco. Tio ja estus simila al tio, **kvazaŭ iu volus, ke tra la koto fluu pura akvo**...
*trad. el la hindia, Literatura Foiro, 212 (dec. 2004), p. 327*

## **H I S P A N I O (Hispanlingvio)**

No Pernalete kaj Dona Barbara **intimas kiel dentoj kaj lango.**
*Romulo Gallegos, Doña Bárbara (trad. Fernando de Diego), eld. Venezuela E-Asocio, Caracas, 1975, p. 107*

*La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha (trad. Fernando de Diego), eld. Fundacion de Esperanto, Hispanio, 1977:*

[Mi ne retenas min por (ne) diri ke mi ĝuegis la librolegon, ĉar kompare al la ruslingva traduko, kie la protagonistoj parolis al mi ruse, e-versie restis ĉio hispana. Mi elnotis ĉion kion mi rusmense dirus alie. Sed mi elnotis ankaŭ la hispanismojn kiuj samas al la respektivaj rusismoj kiel ekz. в поте своего лица (p. 461). – AG]

Okazis alie kun Sancho Panza, ĉar tiel plenis lia stomako, kaj ne per cikoria akvo, ke li **dormadis unutire ĝis la mateno**... *p. 69*

Kaj kredu, **mia ĵuro ne estas nura ŝaŭmo kaj fumo**... *p. 79*

... se konsideri, **kiom longan kaj tedan iradon ĝi kostas al ni.** *p. 142*

Nu, lia malpermeso **nur aldonis flamon al flamo kaj deziron al deziro**, ĉar kvankam oni **silentigis al ni la langojn**, tamen oni ne povis haltigi la plumojn. *p. 172*

... manka je sento kaj konscio **mi turnas min kvazaŭ en ŝtonon.** *p. 198*

Ni metu do manon al la laboro, ĉar, kiel oni diras, **en prokrasto sidas danĝero**. *p. 219*

Memoru, ke mi jam havas sufiĉan aĝon por doni konsilojn, kaj ke tio, kion mi konsilas nun, **konvenas al vi kiel ringo al fingro**. *p. 233*

... malbenis sin pro sia hasta mispaŝo kaj ne sciis **kion fari por ripari la fuŝon**... *p. 262*

Fine sinjoro, **tiel se vi volas, kiel se vi ne volas, mi estas** via edzino... *p. 278*

... la **kaduka kaj fadenmontra stato de la vesto**; nek kiel avide li **ŝtopas al si la stomakon,** kiam hazarde li partoprenas en la festeno. *p. 286*

…ke ili ne sukcesus trovi la eliron dum ses tutaj tagoj; kaj **se oni ne havas la ventron plena**, oni riskas resti tie, **kio ofte okazas,** ĝis **oni turniĝas en mumian karnon**. *p. 376*

... mi estis samvilaĝano lia, apartenis al oldkristana familio, **ĝuis la floron de miaj faroj**, posedis tre grandan havon kaj ... *p. 377*

... se via moŝto deziras, ke mi prenu la bakalaŭron ĉi tien, mi tion **faros en la daŭro de palpebrumo**. *p. 408*

Do, se ĉi sinjoro maŭro **tenas sin al la vero –** diris Sancho. *p. 411*

Profunda silento regis en la vilaĝo, ĉar ĝiaj enloĝantoj **dormis kvazaŭ marmotoj**, kiel oni kutime diras. *p. 441*

... vere mi konas sinjorinon Dulcinea **tiel bone, kiel bone mi povus frapi per pugno la ĉielon**. *p. 442*

Ni aŭskultu lin: se li kantas**, la fadeno de liaj versoj kondukos nin ĝis la bobeno de liaj pensoj**: ĉar, **kiam la koro tro plenas, ĝi elverŝiĝas per la buŝo**. *p. 457*

Ni ja **manĝas nian panon en la ŝvito de nia vizaĝo**. *p. 461*

... spronu vian ĉevalon kaj **prenu vin el la danĝero**... *p. 483*

Mi pensis, ke li kompetentas nur rilate al siaj kavaliraĵoj, sed **en ĉian kaĉon li volas kaj povas meti sian kuleron**. *p. 514*

... do ni **metu manon en la laboron,** ĉar la tempo pasas... *p. 540*

... mi volas diri, ke la spektantoj de la ludo **tenis sian atenton alkroĉita al lipoj de la komentisto**. *p. 541*

... liaj malicoj **rivelas lin fripono,** kaj pro liaj preteratentoj... *p. 578*

Se per io mi povas servi vin, **mi pli rapidos obeante ol vi ordonante.** *p. 580*

... Kaj "**ventro movas krurojn, ne kruroj ventron**"... *p. 589*

Mi teruruĝis, timaĉis kaj **mia voĉo gluiĝis al la gorĝo**. *p. 612*

**La stomako portas la koron, ne la koro stomakon**... *p. 653*

La anoncoj daŭre buntis per brilaj koloroj en la krepuska ĉielo, kaj **la silento densis ĉirkaŭ ni.**
*Sferoj – 1, Sciencfikcio kaj fantasto (trad. Liven Dek), eld. Hispana E-Federacio, 1982, p. 51*

... ravas lin iliaj pragmataj alternativoj kaj programo, kaj, kvankam **la iamaj ĉerizoj kaj manao, najtingaloj kaj kolomboj kaj kveroj**... restas jam ne nur nebaldaŭaj sed eĉ tre foraj al nia spaco-tempo... [troaj promesoj – AG]
*Miguel Frenandez Martin, or. Kajeroj el la Sudo, 1989, 4, p. 6*

Liaj manoj surtabligis du glasetojn da menta teo. Vortoj fluis sub kaj ĉirkaŭ la bele bindita romano, **la fingroj de ilia konverso igis ĝin ludi apenaŭ percepteblan dancon,** kiel derviŝo lulata de babilo.
*Georgo Kamaĉo, or. Hungara Vivo, 1990, 3-4, p. 105*

Ĉiuflanke ĝangalo da oscedoj, tintadoj kaj akvoŝprucaj bruoj **tralikiĝis** al ni **tra kulflugilaj muroj.**
*Miguel Fernandez Martin, or. Literatura Foiro, 137 (jun. 1992), p. 126*

Ĉe iliaj laboraj babiladoj, reakciaj, **tedaj kiel legio da puloj sur la pugofendo**
*Miguel Fernandez Martin, or. Literatura Foiro, 137 (jun. 1992), p. 129*

Kaj, plie, la beleta "pub", la supermezura intereso al la baroka muziko, por **gaskone ludi la strabulojn inter blinduloj**, kaj la fuŝa maksimo de Pepe kaj Polpo: "la vivo superas sin mem ĉiusekunde, fratoj"...
*Miguel Fernandez Martin, or. Literatura Foiro, 137 (jun. 1992), p. 132*

Rigardu, kiam oni komencas kun tiuj pensoj, prefereblas rezigni kaj **gajni siajn fazeolojn** alimaniere. Sed, kion povos fari mi?
*Manuel de Seabra, or. La Kancerkliniko, 71 (jul.-sept. 1994), p. 6*

Se almenaŭ ŝi sukcesos dormigi la bebon... se ne, **ni estos farĉitaj**, li ne lasos nin dormi la tutan nokton...
*Manuel de Seabra, or. La Kancerkliniko, 71 (jul.-sept. 1994), p. 7*

... li prudente decidis ellasi ilin pro necerteco, ne sufiĉa valoro de la ŝtelaĵo kaj eblaj personaj implikaĵoj. Baldaŭ la **ĉion sciantaj najbaroj svingis la langon.**
*Salvador Guma, or. La Gazeto, 67 (dec. 1996), p. 28*

Kaj permesu al mi rekomendi kun aparta emfazo atentan tralegon kaj traĝuon de "Cigana romancaro", multkarata majstra juvelo de la esperanta traduk-arto. **Sanon kaj poezion!**
*Miguel Frenandez, or. La Gazeto, 77 (jun. 1998), p. 14*

... mi nepre bezonas mian **malamikon** por lin **mastri**, kaj mia malamiko bezonas **min** por min **potenci**.
*Domingo Diaz-Ambrona, tr. La Gazeto, 83 (jun. 1999), p. 23*

Kiuj lernas siajn metiojn kaj ilin plenumas, kiuj, se ili estas medicinictoj, penas kuraci; se inĝenieroj, **vejnas ĉefvojojn**; se ĥemiistoj...
*Domingo Diaz-Ambrona, tr. La Gazeto, 83 (jun. 1999), p. 25*

... sed la avino… metis sur min **la seriozan dolĉon de** siaj **bluaj okuloj** kaj diris: – Kara, morgaŭ vi...
*Fernando de Diego, tr. Fonto, 241 (jan. 2001), p. 17*

La tri viroj en la kupeo observis la trinkantan knabinon. Ĉiuj tri ridetis senhonte kaj simplule; ĉiuj tri **tenis** siajn kamparane grandajn **manojn en minerala indifer-ento**, sur la genuoj.
*Istvan Ertl, tr. Fonto, 242 (febr. 2001), p. 6*

La viro kiu parolis pri la milito elprenis malhelan grandan tabakujon, **ŝvelan kaj molan kiel bovina mamo.** – Prenu, do, avo ...
*Istvan Ertl, tr. Fonto, 242 (febr. 2001), p. 8*

Ĉu iu pensas, ke la kapitalismo rezignos sian celon, perfidos siajn principojn? **Se iu pensas tiamaniere, fakte li vivas en la luno** (laŭ hispana esprimo)
*or. Internaciisto, 2003, 1, p. 3*

... kiel aliaj recenzintoj (Gubbins, Johansson) ankaŭ mi ŝatas la ĝeneralan stilon de la traduko, escepte de tiu **kulo en la okulo**, kies piednota pravigo ne sonas kon-vinke.
*Jorge Camacho, or. Esperanto, 2006, 12, p. 253*

Mi ne faris tion pli frue pro timo hasti, ne volis akceli ilian pretigadon... kaj ĉar al nenio bona kondukas laboro **iele-trapele farita**, se tiel diri.

*Camilio José Cela, La familio de Pascual Duarte (trad. Fernando de Diego), Barcelona E-grupo, p. 11*

Ideoj tiom lante maturiĝas en lia kapo, ke **iu metis en lian interbrovon la konvenon fariĝi esploristo.**
*La Forto De l' Silento (trad. Martiza Gutiérrez Gonzaléz), eld. Jose Marti, Habano, Kuba, p. 30*

... 23 viroj konsistigis du grupojn kaj oni ekipis nin, ĉar la aferoj estis komencontaj. Petronilo per preteksto rapidis eliri el la milico, ĉar **jam kaŝe estis kreskanta en la la hundbuŝo kaj verm-salivo** [vermo – figurosence por kontraŭrevoluciulo – AG].
*La Forto De l' Silento (trad. Martiza Gutiérrez Gonzaléz), eld. Jose Marti, Habano, Kuba, p. 114*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

## 46-aj BALTIAJ ESPERANTO-TAGOJ

Litova Esperanto-Asocio invitas Vin partopreni la vicajn ĉiujarajn internaciajn somerajn tradiciajn 46-ajn Baltiajn Esperanto-Tagojn (BET-46).

CELOJ kaj TASKOJ: studi problemojn de Esperanto-movado, elstarigi nuntempajn ĉefajn taskojn de Esperanto-agado, interŝanĝi sperton pri esperantista laboro, perfektiĝi en Esperanto, enhavoriĉe pasigi la tempon. BET okazas ekde 1959 ĉiujare laŭvice en Latvio, Estonio, Litovio. BET-46 estas dediĉata al la 35-jariĝo de litova urbo Visaginas.

LOKO: BET-46 okazos en la orientlitovia urbo Visaginas, kiu situas 150 kilometrojn for de la litovia ĉefurbo Vilnius proksime de landlimo kun Belorusio. En la urbo loĝas 30000 loĝantoj de pli ol 40 naciecoj, do, ĝi estas multnacia urbo. Ĝi okupas 896 hektarojn de areo, el kiuj preskaŭ duono estas belega pinarbaro. La urbo, fondita en 1975, estas la plej juna urbo de Litovio. La urbo situas sur bordo de la lago Visaginas nur 6 kilometrojn for de la fama Ignalina nuklea elektrocentralo, kiu ĉesos funkcii fine de 2009. La urbon de ĉiuj flankoj ĉirkaŭas belegaj regionaj kaj naciaj naturparkoj de Litovio. Tiu ĉi regiono pro arbaroj kaj montetoj estas nomata Litovia Svislando kaj pro abundaj lagoj Litovia Finnlando. Tra Visaginas pasas unu el la plej gravaj internaciaj fervojlinioj de Litovio (Sankt-Peterburg – Daugavpils – Vilnius – Varsovio – Berlino). BET-46 funkcios en moderne kaj bonege ekipita Profesia studcentro pri teknologioj kaj entreprenado. Partoprenantoj de BET-46 libere povos uzi ĉiujn ejojn kaj servojn de la Studcentro (salonoj, aŭditorioj, la plej modernaj teknikaĵoj, muzikiloj, multaj komputiloj kun libera reta aliro, videoekipaĵoj por internaciaj forestaj konferencoj k.s.). BET-46 ĝuos ĉiuspecan helpon kaj kunlaboron de la urba gvidantaro.

TEMPO: BET-46 funkcios la 26-an de junio – la 4-an de julio 2010. Veni al la aranĝo eblos jam la 25-an de junio.

PARTOPRENO: ni invitas ĉiujn esperantistojn. Speciale ni dezirus vidi esperantistojn el la landoj ĉirkaŭ Balta maro, sed ankaŭ de ĉiuj aliaj najbaraj kaj pli foraj landoj. La kvanto de partoprenantoj ne estas limigita.

ANTAŬ KAJ POST BET-46 estas ebleco laŭ moderaj prezoj aktive ripozi en

proksime de Visaginas funkciantaj vilaĝaj altkvalitaj turismejoj kaj ripozejoj. Interesiĝantoj pri tio bonvolu aparte peti informojn ĉe Organiza komitato.

ALIĜKOTIZO por la rusianoj estas: ĝis 31.12.2009 – 40 lidoj, ĝis 31.03.2010 – 55 lidoj, ekde 01.04.2010 – 70 lidoj. Infanoj, lernantoj kaj studentoj aliĝkotizon ne pagas. Oni povas pagi en ajna konvertebla valuto. Unu eŭro egalas al 3,45 lidoj, la kurzo estas konstanta kaj ne ŝanĝiĝas.

ALIĜO: por aliĝi necesas plenigi aliĝilon kaj sendi ĝin al Litova Esperanto-Asocio poŝte, telefakse aŭ rete. Samtempe pagu la aliĝkotizon. Aliĝiloj riceveblas ĉe LEA. La kotizon eblas pagi per poŝta sendo, ĝiro al bankkonto, transpago al la konto de LEA ĉe UEA aŭ interkonsenti kun Organiza komitato pri alia pagmaniero (informiĝu pli detale ĉe LEA). Aliĝkotizo ne estas repagebla. Aliĝo sen pago de kotizo ne validas (krom speciale interkonsentitaj kazoj).

LOĜADO: 1) en bonkvalitaj dulitaj kaj trilitaj ĉambroj de apuda komunloĝejo de la Studcentro (sur unu etaĝo estas kvar dulitaj kaj kvar trilitaj ĉambroj, komunaj duŝejoj, necesejoj kaj kuirejo por ĉiuj ĉambroj). Unu lito por unu tagnokto kostas 20 lidojn;

2) eblas mendi ĉambrojn en urbaj hoteloj. Prezoj estas proksimume 10-oble pli grandaj ol en la komunloĝejo. La hotelaj prezoj inkluzivas matenmanĝon. Interesiĝantoj petu pli detalajn informojn aparte;

3) laŭdezire por junularo eblos aranĝi amasloĝejon. Prezo anoncota.

Prezoj en la komunloĝejo ne inkluzivas matenmanĝon. Pagu same kiel la aliĝkotizon, dezirinde laŭeble pli frue, esceptokaze eblas pagi ankaŭ surloke dum la registrado.

> Kruko kaj Baniko tagmanĝas en restoracio.
>
> Baniko: Mi legis artikolon pri dietoj. Se oni volas forigi tropezon, oni devas ĉiam lasi ion en la telero.
>
> Kruko: Jes ja! Mi jam faras tion!
>
> Baniko: Ĉu vere? Mi vidas nenion en via telero.
>
> Kruko: Sed jen, la forkon!
>
> ***(esperanto-anekdotoj)***

MANĜADO: Estos organizita komuna tuttaga manĝado (matenmanĝo, tagmanĝo kaj vespermanĝo) en manĝejo de la Studcentro. Bonkvalita trifoja manĝado kostas 25 lidojn tage. Eblos organizi vegetaran manĝadon. En la sama konstruaĵo ankaŭ funkcios bufedo. Pagu same kiel la aliĝkotizon, laŭeble pli frue, esceptokaze eblos pagi ankaŭ surloke dum la registrado.

GRAVE: Esperantistoj, kiuj grave kontribuos al la programo de la aranĝo aŭ/kaj signife helpos organize, pro loĝado (krom hoteloj) kaj manĝado ne pagos.

PROGRAMO: tradicia, t.e. somera universitato, paroligaj kaj perfektigaj kursoj, literaturaj aranĝoj, muzikaj kaj artaj vesperoj, debatoj pri situacio kaj problemoj de Esperanto-movado en Baltiaj landoj, tradukista kurso, pedagogia seminario, seminario de klubestroj kaj aktivuloj, movada lernejo, sciencteknikaj kaj fakaj aranĝoj, instruado de kantoj, junularaj aranĝoj, konkursoj, kvizoj, distraj programeroj, ekskursoj tra la urbo kaj aliaj apudaj vidindaĵoj, diskutoj, forumoj, libroservo, interkona vespero, diservo, baza konatiĝo kun la litovaj lingvo kaj kulturo, ekspozicioj, filmoj kaj lumbildoj, gazetara konferenco, sportaj ludoj, oficialaj

malfermo kaj fermo, adiaŭa vespero k.a. Organiza komitato atendas proponojn, sugestojn, ofertojn por la programo, ankaŭ sinproponojn.

VIZOJ: al Litovio senvize rajtas veni civitanoj de ĉiuj landoj de Eŭropa Unio kaj de multaj aliaj landoj. Aliaj havigu vizojn en Litoviaj ambasadejoj kaj konsulejoj en diversaj landoj. En problemaj kazoj turnu Vin por helpo al Litova Esperanto-Asocio. Se necese, LEA povas sendi oficialan inviton.

ALIAJ GRAVAĴOJ: fine de majo ĉiu aliĝinto ricevos Informilon № 2 kun pli detalaj kaj aktualaj informoj pri BET. Ni antaŭvidas eldonon de ĉiutaga gazeto dum la tuta periodo de la aranĝo. Aktualajn informojn pri BET-46 Vi povas trovi en la retejo de Litova Esperanto-Asocio <www.esperanto.lt>, informojn pri la urbo Visaginas Vi povas trovi en la retejo <www.visaginas.lt> (bedaŭrinde nur en la litova, rusa kaj angla lingvoj), informojn pri la Studcentro de Visaginas Vi povas trovi en la retejo <www.vpm.lt> (nur en la litova lingvo).

ALIĜ-KONTAKTADRESO: p.k. 167, LT-44287 Kaunas, Litovio, Litova Esperanto-Asocio. Stratadreso de LEA estas: str. L.Zamenhofo 5, LT-44287 Kaunas, Litovio. Poŝtelefonoj de LEA estas +370-687-12219 kaj +370-686-69875. Telefakso estas +370-37-228616. Retadresoj de LEA estas: <litova.eo@mail.lt>, <pjegorovas@takas.lt> kaj <irenaa@takas.lt>.

BONVENON AL LITOVIO!

***Organiza komitato***

## DASGUPTA GRATULIS LA NOVAN ĜENERALAN DIREKTORON DE UNESKO

La prezidanto de UEA, prof. Probal Dasgupta, gratulis la novan Ĝeneralan Direktoron de Unesko, la bulgaran ambasadorinon Irina Bokova, tuj post ŝia elekto fare de la Ĝenerala Konferenco de la organizaĵo la 15-an de oktobro.

“Ni estas malnovaj amikoj”, skribis prof. Dasgupta en sia mesaĝo. Li klarigis, ke jam en 1954 Unesko starigis konsultajn rilatojn kun UEA kaj samjare en Montevideo ĝia Ĝenerala Konferenco akceptis rezolucion favoran al Esperanto. “Sojle de la centjariĝo de Esperanto, la Ĝenerala Konferenco de Unesko akceptis en Sofio en 1985 duan rezolucion, kiu ebligis al ni pli proksiman kunlaboron kun Unesko en la rapide ŝanĝiĝanta tutmonda kunteksto”, Dasgupta aldonis altirante la atenton de Bokova al la speciala loko de la bulgara ĉefurbo en la historio de la rilato inter la du mondaj organizaĵoj. “Nia komuna interesiĝo pri la konservado de lingva kaj kultura diverseco kaj pri la kreado de leĝaj formoj al la ideo de lingvaj homaj rajtoj, faras el tio ĉi gravan rilaton – malmultaj NRO-j estas aktivaj en tiu ĉi kampo”, skribis Dasgupta, finante per la certigo de UEA daŭre kunlabori kun Unesko pri komunaj temoj.

Irina Bokova estis elektita en sia nova posteno kiel la unua virino en la historio de Unesko. “En mia laboro gvidos min mia koncepto pri nova humanismo por la 21-a jarcento”, ŝi kristaligis sian mision tuj post la elekto.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## MECENATU POR REK

Amasaj esperantistaj aranĝoj, se ili estas bone organizitaj kaj taŭge prezentitaj al neesperantista publiko, estas ne nur bona instrumento por organiziĝo de Esperanto-movado mem en la lando, sed ankaŭ bona propagandilo de la ideo de Esperanto kaj popularigo de instruado de la lingvo. Rusia Esperantista Kongreso devas esti unu el tiuj. Ĉefaj trajtoj de tiuj aranĝoj estu maksimuma malfermiteco kaj atingebleco por amaskomunikiloj, vasta reklamado por neesperantistoj kaj ebleco veni spekti la aranĝon. Tio signifas, ke REK devas nepre okazi en grandaj urboj, en bonaj kongresejoj kun programo interesa ankaŭ por neesperantistoj. REK devas esti interesa por ĵurnalistoj, por ŝtataj instancoj, por aliaj sociaj organizaĵoj k.t.p. Sed kiam ni komencas paroli pri tio, pri luksa kongresejo, pri pagenda reklamo, pri interesaj koncertoj kun invititaj artistoj kaj aliaj dezirindaj aferoj, ĉiam aperas problemo pri mono. Sen taŭga financado ne eblas fari taŭgan aranĝon, kiu estu vera rimarkinda evento en la vivo de urbo, regiono aŭ tuta lando. Socia organizaĵo, tia kiel REU, povas esperi nur pri mecenatoj (organizaĵoj, fondaĵoj) kaj ŝtato. Pri nia ŝtato, almenaŭ nun, ne eblas laŭ mi serioze esperi. Sed trovi mecenatojn, kaj privatulojn, kaj firmaojn, eblas kaj necesas. Ĉe REU ekzistas “Kongresa fondaĵo”, kies sola celo estas servi kiel starta kapitalo por vica kongreso kaj kovri rezultajn kongresajn elspezojn. La fondaĵo estas plenigata parte el aliĝkotizoj de la kongresanoj kaj parte de mecenataj kotizoj kaj donacoj. Mi kore dankas samideanojn el Sankt-Peterburg Valeria Cvetkova, Jekaterina Maliŝeva kaj Anatolo Sidorov, kiuj antaŭnelonge plenigis la Kongresan fondaĵon per siaj malavaraj donacoj. Espereble ankaŭ aliaj esperantistoj el Rusio kaj el aliaj landoj mecenatos por la nobla celo. Kompreneble tre valoras ankaŭ helpo por trovi firmaojn, kiuj povas kontraŭ sia reklamado dum REK plenigi la Kongresan fondaĵon. Mi alvokas legantojn, kiuj havas proponojn ĉi-direkte, skribi al <estraro@reu.ru>. Faru ni kune bonan REK-on, kiu puŝos nian aferon al disvastiĝo kaj popularigo de Esperanto!

***Mikaelo Ĉertilov (Moskvo)***

## INTERPROKSIMIGO DE KULTUROJ KIEL TEMO POR HAVANO – SED NE NUR

La Ĝenerala Asembleo de UN deklaris la jaron 2010 Internacia Jaro por la Proksimigo de Kulturoj kaj konfidis al Unesko prepari kaj gvidi ĝin. Akceptante la taskon la tiama ĝenerala direktoro Koiichiro Matsuura vidis ĝin kiel naturan daŭrigon de antaŭaj aktivaĵoj, ekz. la Internacia Jaro por la Kulturo de Paco en 2000 kaj la Tutmonda Agadplano por la Dialogo inter Civilizoj en 2001. Matsuura referencis al la Mezlonga Agadplano de Unesko (2008-2013), laŭ kiu *la kultivado*

*de kultura diverseco kaj de dialogo kiel ĝia natura sekvo estas unu el la plej urĝaj nuntempaj temoj kaj esenca inter la specifaj kompetentoj de la Organizaĵo.*

Ankaŭ ĉi-foje Unesko vidas gravan rolon por la neregistaraj organizaĵoj en la agado pri la laŭvica tema jaro. La Estraro de UEA akceptis la inviton de Unesko kaj elektis kiel la temon de la 95-a Universala Kongreso de Esperanto en Havano (17-24 julio 2010) *Interproksimigo de kulturoj*. Baldaŭ estos anoncita reĝisoro de la kongresa temo, kiu planos kaj kunordigos ĝian traktadon dum UK. Tamen, la Estraro celas, ke la temo estu traktata ne nur inter la kongresanoj en Havano, sed kiel eble plej vaste jam antaŭ UK. Por stimuli diskuton, artikoloj pri interproksimigo de kulturoj aperos en la revuo *Esperanto*, kaj oni serĉos taŭgajn formojn por trakti ĝin ankaŭ ekz. en Interreto. Kadre de tio oni invitos esperantistojn kontribui aparte, sed ne ekskluzive, pri siaj spertoj rilate la utilecon de Esperanto por la interproksimigo de kulturoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PRI LA LETERO AL LA PREZIDENTO D.MEDVEDEV

Al mi tio ĉi memorigas infanludon je tanketoj kaj soldatetoj...

Min persone fakte iom ĝenas tiuspeca aktivado de REU-agantoj... Mi ne kredas, ke la maniero agadi por Esperanto estas persvadi ministeriojn kaj funkciulojn. REU havas neniun "armeon" post si, kaj simila retorikado portas nur negativajn poentojn por Esperanto (same kiel homoj emas saviĝi de la atestantoj de Jehovo).

La maniero agadi por Esperanto ne povas esti sen reala agado (mi diru iom simpligite, ke ni provu atingi ke almenaŭ nia najbaro sciu pri Esperanto kaj, se emos, lernu ĝin, kaj konsideru tion pozitiva afero – mi nomas tion principo de najbaro). Mi vere kredas, ke se ni prezentas Esperanton per agoj, sed ne per pordumado kaj flatado ĉe ministerioj, ni atingos multe pli. Ĉe bone aranĝita agado, la funkciuloj kutime mem estas interesitaj havi nin kiel partneron.

Mi kiel konsiliano de REU estas principe kontraŭ tiuspeca agado.

Ĉu oni pensas pri kursoj, pri ideologiaj aferoj (kion ni principe celas?), kie estas seminarioj, konferencoj, kie estas nia mesaĝo al la socio (mi kredas ke niaj aferoj valoras se ili servas por la socio)... ?

Ĉu ni mem devas organiziĝi? Pardonu, ĉiukaze devas esti interkonsento pri la celoj kaj reguloj, sed nun ĉio estas iom kaosa.

***Aleksandr Blinov (Ĉeboksari)***

## NOMOJ RESTIS, SENCO ŜANĜIĜIS

Mi tralegis la artikolon de Anatolo Gonĉarov "REU – denove preterscienca", publikigitan en REGo № 54, kun granda bedaŭro pro tio, ke Anatolo ne plene komprenis la rezultojn de la Konferenco de REU, okazinta en majo. Li persone ne povis partopreni en ĝi, kaj la senditaj materialoj, ĉefe la malferma letero de la Konsilio, kun subskribo de Irina Gonĉarova, verŝajne estis ne tre klarigaj. Ĝuste mi, tiu sola pri kiu vi skribis, petis de vi sendi materialojn pri Teorio de Sistemevoluo. Mi plene konsentas kun proponita de vi sistemo de organizado de Esperanto-movado. Dum la Konferenco via propono pendis surmure kaj estis enmanigita al ĉiu konferencano kune kun aliaj proponoj por la Konferenco.

Tuj post la komenco de la unua kunsido estis proponite fare de Ljudmila Novikova kaj Svetlana Smetanina enmeti en la tagordon demandon pri likvido de REU, oficiala organizaĵo registrita en la Ministerio pri Justico. Do vi ne pravas, skribinte "For la predikojn de s-ro Gonĉarov!" kaj ke la kongresanoj ne pensis pri plena ŝanĝo de ĝisnuna sistemo. Tamen pluraj konferencanoj volis male – nenion ŝanĝi kaj sekvi la antaŭan strukturon. Ilia opinio estas, ke necesas nur trovi saĝan Prezidanton, elekti lertajn kaj laboremajn estraranojn, komisiitojn kaj ĉio ekfunkcios bonege. Laŭ ili la antaŭa ne troa aktivado de Esperanto-movado en Rusio estas rezulto de mallerta kaj nelaborema Estraro. Sed plejmulto, vi vere skribis, strebis al ŝanĝoj.

De alia flanko, Anatolo, vi ne forgesu, ke ni loĝas en konkreta ŝtato kun konkretaj leĝoj kaj burokratia sistemo. Ĉu estas saĝe ignori ĝin, ignori la socion ĉirkaŭ ni kaj foriri en sian propran "plensciencan" mondon? Ĉu vere oficialeco de REU al neniu estas bezonata? La praktiko montras malon. Oni ofte petas de REU oficialan apogan leteron por aranĝi esperantistan festivalon aŭ atentigi iun instancon pri ekzisto de oficiala tutrusia organizaĵo. Ankaŭ por eksteraj organizaĵoj estas pli komforte havi eblecon turni sin al konkreta centra organizaĵo, kiu donos al ili helpon, informon k.t.p.

Do dum la Konferenco estis du tendencoj, kaj la konferencanoj venis al decido eksperimente ĝis la sekva Konferenco, kiu okazos dum REK en SPb, fari kompromisan varianton. Unue, ne likvidi REU, kiel juran organizaĵon, ne elekti veran Prezidanton kaj Estraron, sed elekti nur teknikan kvarkapan Estraron, kiu ne rajtas iun gvidi kaj influi al E-movado en Rusio, kaj komisiitoj, kvankam kun sama laŭstatuta nomo, fariĝu laŭsence "komisiiĝintoj", t.e. kvazaŭ ili komisias taskojn al si mem. Due, krei novan formon de kunlaboro de diversaj kolektivoj de esperantistoj (kluboj, organizoj laŭ interesoj), laborgrupoj de Esperanto-projektoj, Esperanto-entreprenoj k.t.p., kaj nomi ĝin Konsilio. En la Konsilio ne estas prezidanto. Neniu gvidas ĝin. Tio estas nur formo de kunlaboro. Dum la Konferenco estis elektitaj dek konsilianoj, reprezentantoj de diversaj agadoj de E-movado en Rusio. La aliaj reprezentantoj (kluboj, redakcioj, E-projektoj) rajtas plu kompletigi la Konsilion. Dume mi ne informiĝis, ke iu klubo petus kooptiĝi por la konsilio. Mi ripetas, ke tio estis farita kiel unua eksperimenta provo, valida ĝis la sekva Konferenco de REU. Nuna praktiko devas montri, kiu tendenco gajnos aŭ reformiĝos en pli bonan varianton. Mi esperas, ke vi sekvontjare partoprenos la Konferencon, kaj nia movado ricevos novan evoluon.

***Mikaelo Ĉertilov (Moskvo)***

## DE LA JARO DE LINGVOJ AL LA JARDEKO

UEA aktive partoprenis la laborojn pri la Internacia Jaro de Lingvoj 2008, proklamita de Unesko. Post tio la prezidanto sendis tre belan raporton al Unesko pri niaj agadoj dum tiu jaro. Parolante pri tiu raporto oni venis al la ideo ke UEA instigu Uneskon lanĉi Jardekon de lingvoj. Ni instigis, kaj Unesko reagis pozitive. Do la koncernata sektoro de Unesko benas niajn klopodojn, por ke la Ĝenerala Asembleo de Unesko oficiale deklaru tiun Jardekon.

La reprezentantoj de UEA en la ĵus okazinta Ĝenerala Asembleo de Unesko havis plurajn rilatojn kun la reprezentantoj de la ŝtatoj, kaj la reagoj ne estas mal-pozitivaj. Tamen inter tio kaj konvinki la ŝtatojn subskribi proponon al la Ĝenerala Konferenco estas granda laboro. Nun estas la momento komenci tiun laboron por alveni al la decido en la Ĝenerala Asembleo de 2011.

La laboron oni devos fari ĉefe en la landoj. Proponojn al la Ĝenerala Asembleo faras nur la reprezentantoj de landoj. Ilin regas la landaj registaroj, principe la Ministerioj pri Eksterlandaj Aferoj. Mi petas ĉiujn, aparte tiujn, kiuj estas ligitaj kun landaj asocioj, kunlabori pri ĉi tiu kampanjo, por kiu necesas unue kontakti landajn Unesko-komisionojn. Konsilojn pri tio, kion oni faru enlande, UEA volonte liveros al vi kaj ankaŭ informojn pri tio, kion oni volas proponi. La materialon bonvolu peti ĉe la prezidanto, Probal Dasgupta, ĉe la vicprezidanto, Claude Nourmont, aŭ ĉe mi. La kampanjo estas en viaj manoj.

***Renato Corsetti (Italio)***

## IKU INVITAS PRELEGONTOJN

Dum la 95-a UK en Havano okazos la 63-a sesio de Internacia Kongresa Universitato. UEA invitas universitatajn profesorojn, docentojn kaj personojn kun simila kvalifiko sendi proponojn de prelegoj al la sekretario de IKU, *prof. Amri Wandel, PK 767, IL-71799 Makabim, Israelo*; rete <amri@huji.ac.il>, ĝis 31.01.2010.

Lige kun IKU okazos studsesio de Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS). Proponantoj de IKU-prelego povas samtempe proponi AIS-kurson, kies unua prelego estos parto de IKU kaj kiu aldone havos du daŭrigajn prelegojn. Oni bv. indiki, ĉu la IKU-propono estu konsiderata ankaŭ kiel AIS-kurso.

La prelegoj estu pri interesaj, allogaj temoj kaj taŭgaj por klera publiko. Estos aparte bonvenaj proponoj ligitaj al la temo de la 95-a UK, *Interproksimigo de kulturoj*. Ĉiu propono enhavu mallongan resumon de la prelego kaj koncizan biografieton de la kandidato (kune ne pli ol unu paĝo).

La proponoj estos prijuĝitaj de la IKU-komisiono kaj sekve la Estraro de UEA decidos, kiuj estos akceptitaj. La proponintoj estos informitaj pri la decido ĝis 15.04.2010. La sukcesaj kandidatoj devos sendi kompletan tekston de siaj prelegoj al UEA ĝis 31.05.2010, por publikigo en la IKU-libro.

Ĉiu preleganto devas esti kongresano kaj mem zorgi pri sia aliĝo. Prelego estos rekompencita per honorario 240 eŭroj. Pliaj detaloj kaj antaŭaj IKU-prelegoj kaj resumoj troviĝas en la IKU-paĝo ĉe <www.uea.org/dokumentoj/IKU>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA EN LA 37-A KONFERENCO DE LINGVOTESTISTOJ

Zsófia Kóródy reprezentis UEA en la 37-a konferenco de Asocio de Lingvotestistoj en Eŭropo (ALTE), kiu okazis en Maynooth, Irlando, de la 11-a ĝis la 13-a de novembro. La ĉeftemo de la konferenco estis "Testado de malpli parolataj lingvoj en multlingva kunteksto".

La konferencoj de ALTE estas gravaj por ĉiuj, kiuj okupiĝas pri lingvotestado kaj harmoniigo de ekzamenoj al la Komuna Eŭropa Referenckadro (KER). Ankaŭ

la ĉi-jara konferenco de la ĉefaj lingvotestistoj en Eŭropo ofertis abundan fakan programon. En la laborkunsidoj oni pritraktis, kiel akordigi ekzamenojn al KER, kiel starigi normojn, difini nivelojn kaj prijuĝi skribajn kaj parolajn ekzamenojn. Kun la novtipa ekzameno "Origo", ellaborita en partnereco kun alia ALTE-membro, la Lingvoekzamena Centro (ITK) de la Universitato Eötvös Loránd en Budapeŝto, UEA estas unu el la institucioj, kies ekzamenoj kongruas kun la niveloj B1, B2 kaj C1 de KER.

Nome de UEA Zsófia Kóródy transdonis al la ALTE-sekretario Martin Nutall ekzempleron de la libro "Esperanto de nivelo al nivelo", kiu priskribas la postulojn de la nova UEA-ekzameno kaj donas modelajn testojn por la niveloj B1, B2 kaj C1. Ŝi transdonis al ALTE ankaŭ provekzempleron de la ĵus ellaboritaj modeltestoj pri Esperanto por la niveloj A1 kaj A2 kaj la ĉi-jare akceptitan adapton por blinduloj de la regularo de la komunaj UEA/ILEI-ekzamenoj.

Krom partopreni en la fakkunsidoj Zsófia Kóródy kontribuis ankaŭ al la laboro de la specialaj interesgrupoj. Unu el ili okupiĝas pri verkado de manlibro por akordigi ekzamenojn al KER, alia ellaboras rekomendojn por ekzameni infanojn kaj gejunulojn. Kóródy aliĝis krome al la nova laborgrupo pri instruista trejnado kaj pluklerigado.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## INSTRUADO DE ESPERANTO PROGRESAS EN BURUNDO

Burundo fariĝis en mallonga tempo unu el la landoj, kie Esperanto plej forte plivastiĝas, aŭ ĝi eĉ jam okupas la unuan lokon tiurilate. Asocio Nacia de Esperanto en Burundo (ANEB), akceptita kiel Landa Asocio de UEA en 2008, distingiĝas pro la sistema antaŭenigo de la instruado de Esperanto. Unu el la fortoj de ANEB estas, ke ĝi disponas pri multaj entuziasmaj kaj sinklerigemaj aktivuloj, kio en la Afrika Agado de UEA estas konsiderata grava por certigi solidan progreson en unuopaj landoj. Ankaŭ en tiu senco ANEB fariĝis modelo, laŭ kiu oni povas lerni en aliaj landoj, ne nur en Afriko. Pri la sukcesoj en Burundo atestas freŝa raporto, laŭ kiu en la lernojaro 2009-2010 funkcias Esperanto-kursoj en 37 elementaj aŭ mezaj lernejoj tra la lando. La nombro povas esti pli granda; informoj el kelkaj lernejoj ankoraŭ mankis.

Laŭ Hasano Ntahonsigaye, sekretario de ANEB, la eduka sistemo de Burundo favoras al la fondo de Esperanto-kluboj en lernejoj. "El kvin tagoj de lernado, unu tago estas por kulturaj aktivecoj kaj en tiu tago funkcias ankaŭ kluboj. Estas kluboj de la angla, la svahila, la franca, matematiko kaj aliaj aferoj", li aldonas. "Do, kiam oni volas fondi klubon de Esperanto en lernejo, la direktoro facile akceptas fari tion kaj multaj lernantoj eklernas la lingvon." ANEB utiligas tiun ŝancon, ĉar ĝia strategio ĝuste estas la fondo de lernejaj Esperanto-kluboj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## ELEKTO DE NOVAJ UEA-GVIDANTOJ OFICIALE KOMENCITA

En 2010 okazos elekto de novaj gvidorganoj de UEA por la periodo 2010-2013. Parto de tio estos la elekto de komitatanoj B por reprezenti la individuajn membrojn (IM) en la Komitato de UEA. Laŭ la Statuto (art. 24) oni elektas unu komita-

tanon B por ĉiu komencita milo da IM. Laŭ la antaŭvidata nombro de IM je la 31-a de decembro 2009 oni elektos ses komitatanojn B.

La Ĝenerala Regularo (art. 8) preskribas: *Dek individuaj membroj el minimume tri diversaj regnoj rajtas proponi unu solan kandidaton el inter la individuaj membroj. Al la proponoj, subskribitaj de la proponintoj, devas esti aldonitaj, krom la skriba konsento de la kandidato, ankaŭ biografieto kaj deklaro pri la movadaj celoj de la kandidato, kiuj kune ampleksu maksimume 150 vortojn.*



*la nunaj gvidantoj de UEA (de maldekstre): Ĝenerala Sekretario Barbara Pietrzak, Prezidanto Probal Dasgupta, Ĝenerala Direktoro Osmo Buller kaj Vicprezidanto Claude Nourmont (foto de A.Sochacki)*

Kompletaj proponoj atingu la Centran Oficejon de UEA en Roterdamo ĝis la 28-a de februaro 2010. Validaj estos nur skribaj dokumentoj kun originalaj subskriboj (t.e. ne telefaksoj aŭ retmesaĝoj).

Ĉiu kandidato devas esti IM de UEA dum du jaroj antaŭ la elekto (t.e. 2008 kaj 2009) kaj resti IM tra la tuta oficperiodo. Salajrata oficisto de UEA ne rajtas esti komitatano. Komitatano, kiu persone ĉeestis neniun komitatkunsidon en la periodo 2004-2009, ne estas reelektebla.

Se ne estos pli ol ses validaj kandidatoj, oni konsideros ĉiujn elektitaj. Se ili estos pli multaj, la individuaj membroj ricevos voĉdonilon por elekti siajn reprezentantojn per poŝta balotado.

***Osmo Buller, Ĝenerala Direktoro de UEA***

## NOVAJ REU-MEMBROJ POR 2009

### INDIVIDUAJ MEMBROJ

*Puŝkarjov Valentin (Jekaterinburg), Sokolova Evelina (Krasnojarsk)*

### FAMILIA MEMBRO

*Karapetjan Rustam (Krasnojarsk)*

### ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ

**Moskva E-klubo “EK-MASI”** (+ 4 membroj): *Basov Gennadij, Bebenina Jekaterina, Vasiljeva Natalja, Nasirov Fjodor*

Plena aktuala listo de la membroj troveblas en la ttt-ejo de REU laŭ la adreso <http://reu.ru/index.php?dok=membrolisto>.

## KOTIZOJ DE REU/REJM POR 2010

*Membri en REU oni rajtas ekde la aĝo 18 jaroj; 14-17-jaruloj rajtas aliĝi kiel kandidatoj.*

**Individua kotizo** – 180 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 18 eŭroj), inkluzivas la membrokarton, Jarlibron/Manlibron de REU, REU-bultenon kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM.

**Dumviva kotizo** – 4500 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 450 eŭroj) – ĉio la sama dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 60 rub. (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM). La familiajn kotizojn rajtas pagi samadresaj parencoj de individuaj aŭ dumvivaj membroj.

**Subtenkotizoj** (ĉio la sama kiel por la individua kotizo): *REU-subtenanto* – duobla individua kotizo; *REJM-patrono* – duobla individua kotizo.

**Kolektiva membrokotizo** – 60 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj), inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por kluboj kun 5-15 aligitaj membroj kaj por ĉiu aldona deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 300 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la organizaĵo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi.

**Rabatita abono de REGo** – 300 rub. (ekster Rusio – 18 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

*Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.*

*Membroj de REU iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Aliĝilojn, rublajn kotizojn kaj rabatitajn abonpagojn por REGo sendu (poŝtmandate) al: **Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская область**; aŭ uzu aliajn pagmanierojn listigitajn ĉe <http://reu.ru>. La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA.

# Eksciu, ke...

## KARAJ VIVOPLENAJ, AVENTUREMAJ KAJ SCIVOLEMAJ VOJAĜEMULOJ!

Partopreninte ILEI-Konferencon en Krakovo, mi komprenis, ke esperantistoj, sendepende de ilia graveco, ege ŝatas ekskursi – en multaj tre interesaj prelegoj partoprenis 4-6 homoj... Ĉiuj aliaj for de la Konferencejo okulvoris novajn interesajn lokojn de Pollando. Krome... UK en 2010 tre malproksimas de Eŭropo...

Do, mi havas plezuron proponi por tiuj, kiuj ne tre ŝatas longe flugi aŭ ŝipi ĝis Kubo, iom alispecan aranĝon, kompare al la tradiciaj. Tiu ĉi renkontiĝo estos la unua en serio pri la temo "Malkovru Ukrainion". Ĉefa trajto de la renkontiĝoj: neniuj kursoj – nur ekskursoj al meritoplene allogaj lokoj de Ukrainio kaj de ĝia ĉefurbo – Kievo.

La renkontiĝo "Mikaelo Invitas aŭ Malfermu Ukrainion" – MIaMU-1 havos du partojn. La unua pasos en Kievo, en kiu vin atendas ekskurso tra la urbo, havanta pli ol 1500-jaran historion, vizito al mondfama vira "Kieva Kaverna Ĉefmonaĥejo", lanĉita en la 11-a jarcento. Vi povos aktive partopreni en la unika eksperimento – publika 4-5-taga E-kurso por la dezirantoj ĉeeste de ĵurnalistoj kaj observanto de "Libro de ukrainiaj rekordoj" (Guinness-libro), piknikumi sur Dnepra insulo, viziti la katedralon de Sankta Sofia, en kiu konserviĝis freskoj kaj mozaiko de la 11-a jarcento, promeni tra Andrea deklivstrato – strato-artgalerio, en kiu vi povos ĝui kaj aĉeti multajn popolmetiaĵojn, bildojn, suvenirojn, vidi popolarkitekturon de Ukrainio en la subĉiela muzeo "Pirogovo".

En la plano estas vizito al la urbo Umanj por vidi unikan dendroparkon "Sofia", kiun Unesko nomis "Perlo de parka kulturo". Dumvoje tien kaj reen vi ne enuos – vin atendos interesaj informa kaj distra programoj.



Poste ni transos al la dua parto – al Krimeo, al ĝia ĉefa allogaĵo – la ĉarma urbo Jalto. Ankaŭ ĉi tie vi multe ekskursos (vidu la programon).

Mi esperas, ke vi, partopreninte la aranĝon, lasos iujn spurojn, utilajn ankaŭ por Esperanto. Por ricevi

pluajn informojn venu al <www.lineckij.kiev.ua/miamu>.

***Esperanta vidi vin en Ukrainio, amike via Mikaelo Lineckij (Kievo, Ukrainio)***

## 120 VIZITANTOJ EN LA 31-a MALFERMA TAGO

La vivo kaj verko de Ivo Lapenna estis la temo de la 31-a Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA sabaton, la 28-an de novembro. Tiu ĉi populara aranĝo okazis tri semajnojn post la 100-a naskiĝdatreveno de Lapenna (1909-1987) kaj allogis 120 vizitantojn el 16 landoj. S-ino Birthe Lapenna ĉeestis la Tagon kaj ricevis kiel memoraĵon enkadrigitan folion kun 10 poŝtmarkaj portretoj de sia edzo, "por rekompenci kun rento la portreton, kiun ŝi donacis al la Centra Oficejo en la Malferma Tago en aprilo 1998 okaze de la 90-jariĝo de UEA", klarigis la Ĝenerala Direktoro Osmo Buller.

La ĉefprelegento estis prof. Carlo Minnaja, prezidanto de Internacia Scienca Instituto Ivo Lapenna. Li parolis en du partoj pri siaj renkontiĝoj kun Lapenna, kiun li, denaska esperantisto, ekkonis kiel juna knabeto, ĉar Lapenna ofte gastis en la familio de la famaj italaj esperantistoj Luigi kaj Carolina Minnaja. Sian prelegon Minnaja ilustris per fotoj kaj filmfragmentoj. Li montris ankaŭ la Pokalon Ivo Lapenna, konservatan en CO, sur kiu lia nomo estas gravurita kiel la unua post lia venko en la Oratora Konkurso en 1960. Pri siaj kontaktoj kun Lapenna parolis ankaŭ prof. Duncan Charters, vicprezidanto de ILEI, kiu aparte elstarigis lian atenton al la lerneja agado, i.a. kiel iniciatinto de serio de Internaciaj Lernejaj Konferencoj.

La publikon plene kaptis la frisa grupo *Kapriol'*, kiu krom mem kanti, kantigis kaj eĉ dancigis la publikon. Ĉeestis ankaŭ neesperantistaj popoldancistoj, kiuj en plezura maniero povis konatiĝi kun la Esperanta kulturo. Norberto Díaz kaj Yoandra Rodríguez portis salutojn el Kubo. Ili rakontis kaj respondis demandojn pri la preparado de la 95-a UK en Havano. Katalin Kováts kaj Zsófia Kóródy disdonis atestilojn al trapasintoj de lingvoekzamenistaj kursoj kaj diplomojn al sukcesintoj en ekzamenoj laŭ la Eŭropa Referenckadro. Pri la lasta horo en la prelegejo respondecis ILEI, kies nova estraro kunsidis en Roterdamo ĉirkaŭ la Malferma Tago kaj ricevis okazon prezenti sin kaj siajn planojn. La revigliĝo de la instruista asocio tre impresis la publikon. Rimarkinda estis la interesiĝo pri la instruista trejnado, kiun oni klare sentas kiel urĝan taskon.

Biblioteko Hodler funkciis kiel kinejo de dokumentaj filmoj. En la filmoj pri la UK-oj en Budapeŝto en 1966 kaj Vieno en 1970 eblis vidi i.a. scenojn pri la oratoranta Ivo Lapenna. Scenojn el la Malferma Tago mem montros baldaŭ la Eduka Televido ETV, kies teamo filmis dum la Tago kaj intervjuis la CO-oficiston Ralph Schmeits por programo elsendota en la Roterdama regiono en januaro.

Bonan tagon spertis la Libroservo, kies vendoj sumiĝis je 2416,40 eŭroj. Pleje furoris la poŝtmarkoj por la 100-a datreveno de Ivo Lapenna kaj la 150-a de L.L.Zamenhof, tiu lasta lanĉita en la Malferma Tago. De ambaŭ estis venditaj po 38 folioj kun 10 markoj. Inter libroj la unuan lokon okupis la lernilo "Esperanto Mini-Course" kun 5 venditaj ekzempleroj. Po 4-ekzemplere vendiĝis la Zamenhof-biografio "Homarano" de A.Korĵenkov, "Mil unuaj vortoj en Esperanto", "Beletra

Almanako” n-ro 6, kaj la poŝkalendaro “La Jaro 2010”.

La sekva Malferma Tago estos en sabato, la 17-a de aprilo 2010. La ĉefprelegganto estos d-ro Mark Fettes.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## MESAĜO PRI IVO LAPENNA



Prof. d-ro Ivo Lapenna (1909-1987), kies centjariĝon ni festis 05.11.2009, estis sendube la plej elstara inter la gvidantoj en la organizita Esperanto-movado. Oni ofte ligas lian esperantistan karieron specife kun Universala Esperanto-Asocio, kiun li gvidis en ties modernan institucian formon. Sed lia kontribuo al la Movado superverŝas la limojn de tiu institucia identeco.

Lapenna estis la plej elstara oratoro en la historio de la lingvo. Lia verko *Retoriko*, kiu instruas la arton de parola persvadado, vicas inter la klasikaĵoj pri tiu temo en iu ajn lingvo. Liaj paroladoj restas modeloj ofte aŭskultataj de sinsekvaj generacioj. La sukceso de lia retoriko en Montevideo en 1954 estis venko ne nur por UEA, kiun li tie reprezentis, sed ankaŭ por la parola persvadado, la sola akceptebla batalilo en serioza batalado por la paco. Li multe laboris ne nur por akceptigi kaj fortikigi la demokratian metodaron, sed ankaŭ specife por pliakrigi la retorikon kaj plivastigi la kapablon de publikaj agantoj efike uzi ĝin. Multaj el ni ne memoras, ke li ankaŭ fake okupiĝis pri la evoluigo de nia lingvo: en la Simpozio pri ata/ita, libroforme organizita de la eldonejo Stafeto, gramatikistis kun aliaj gramatikistoj ankaŭ Ivo Lapenna, tute kapable kaj senglite.

Tamen kompreneble li specife apartenis al tute alia fako: li estis grava fakulo pri la internacia juro, kaj ĝuste surbaze de tiu sia faka kono li muldis la postmilitan laborlinion de UEA. Lia sinengaĝo sur la tereno de la homaj rajtoj kreis apartan profilon ne nur por UEA, sed ĝenerale por la Esperanto-movado de post la dua mondmilito. Pro liaj klopodoj UEA jam ekde 1947 – unu jaron antaŭ la formala adopto de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj fare de Unuiĝintaj Nacioj – enstatutigis la principon, ke la respektadon al homaj rajtoj UEA rigardas kiel nepran antaŭkondiĉon por siaj laboroj.

Al la hodiaŭa generacio devus esti grave, ke li estis inter la unuaj, kiuj en la batalo por konservi la malfortajn lingvojn kaj kulturojn emfazis la koncepton de lingva genocido kiel juran batalilon. El la perspektivo de la juro li prezentis analizon de la lingva geopolitiko kaj bazis sur tio la pledadon por Esperanto kiel justa solvo. La principoj de tiu analizo akiras pli ĝenerale agnoskatan gravecon hodiaŭ, kiam multaj komentantoj iom post iom agnoskas la valoron de moralaj (anstataŭ

nur pragmatikaj) konsideroj en la agado sur la monda scenejo, kaj kiam la voĉoj de la neregistaraj organizaĵoj kiel portantoj de tiuj moralaj valoroj – foje opozicie al la foje senmoralaj ŝtataj sistemoj – plifortiĝas en la internaciaj institucioj.

Mi ne volas en tiel grava jubilea momento paroli ĉefe pri la UEA-kariero de figuro, kiu tiel elstare skulptis tutan ĉielpejzaĝon por la lingvanaro kiel tuto: tro mallarĝe limigi lin al nia asocio donus la impreson, ke ni volus iel ŝteli lian vizaĝon por ni! De *LPLP* (kiu en lia tempo havis la pranomon *La Monda Lingvo-Problemo*) ĝis la serio Oriento-Okcidento, de la dumkongresa oratora konkurso ĝis la roterdama oficejo de UEA, tiom da instituciero de nia asocio atestas lian ĉarpentistan lerton, ke ni prefere ne eku pri tiu temo, sed lasu al la tuta esperantista publiko, sendiskriminacie pri asocia aparteno, aplaŭdi la memoron de tiu homo, kiu donis al ni plej da kialoj por aplaŭdi! Li estis unu el tiuj malmultegaj, pri kiuj eblas tute sincere kanti, "La mond' aliiĝos, la temp' pasos for/ sed vivos eterne pri ili memor'."

***Probal Dasgupta (Hinda Unio)***

## POŜTMARKOJ PRI I.LAPENNA KAJ L.ZAMENHOF

Por omaĝi la 100-an datrevenon de la naskiĝo de Ivo Lapenna UEA mendis ĉe la poŝta kompanio TNT poŝtmarkon kun la portreto de sia eksprezidanto. La nova marko estas lanĉita en la naskiĝtago de Lapenna, la 5-an de novembro, kaj ĝia nominala valoro egalas al tiu de la enlanda afranko por letero ĝis 20-grama en Nederlando. La poŝtmarko estas vendata en folioj kun 10 markoj, mendeblaj ĉe la Libroservo de UEA. Unu folio kostas 5,5 eŭrojn (plus afranko; kvanta rabato ne estas aplikebla). La eldonkvanto de la marko estas limigita, kaj post la elĉerpiĝo ĝi ne estos represita. Sekve ĝi rapide fariĝos dezirata objekto ankaŭ ĉe neesperantistaj kolektantoj, same kiel la poŝtmarkoj lanĉitaj en 2008 okaze de la 93-a UK en Roterdamo kaj la 100-jariĝo de UEA. Ĉi-jare aperis jam ankoraŭ dua poŝtmarko, kiu omaĝos la 150-an naskiĝdatrevenon de L.L.Zamenhof. Ĝi estis lanĉita en la Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA la 28-an de novembro. Ankaŭ la Zamenhof-marko aperis en 10-markaj folioj, kaj ĝiaj vendokondiĉoj estas samaj kiel tiuj de la Lapenna-poŝtmarko.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## 120.000 ARTIKOLOJ EN LA ESPERANTO-VIKIPEDIO

La 15-an de oktobro la Esperanto-vikipedio atingis 120.000 artikolojn. Nia vikipedio nun tenas laŭ la nombro de artikoloj la 21-an lokon inter la diverslingvaj versioj; la volapukan version oni preterpasis antaŭ kelkaj semajnoj. La 120.000-a artikolo temas pri São Bento do Trairí, eta urbo en norda Brazilo.

La Esperanto-vikipedio ricevas tage ĉ. 160.000 vizitojn de homoj (do sen robotoj). Per tio la Esperanto-vikipedio en aŭgusto tenis la 33-an lokon – iom post la greka kaj slovaka, iom antaŭ la litova kaj serba versioj.

La Esperanto-vikipedio havas pluroblan utilon por la Esperanto-komunumo. Unue ĝi servas kiel leksikono – fakte la unua ĝenerala leksikono en la ĝisnuna 122-jara historio de Esperantujo. Due ĝi per tio ankaŭ subtenas la terminologian diskutadon kaj laboron. Trie nia vikipedio tre klare montras al la ekstera mondo, ke Es-

peranto vivas ĉiutage kaj daŭre estas uzata. La lingvo Esperanto, antaŭ 122 jaroj la plej malgranda lingvo de la mondo, intertempe havas firman lokon inter la 50 plej gravaj lingvoj. Tio videblas krom per vikipedio ankaŭ per pluraj aliaj statistikoj kaj per la uzado en multlingvaj retejoj.

Por subteni la pluan konstruadon de la vikipedio mi alvokas ĉiun spertan Esperanto-parolanton kontribui al la vikipedio almenaŭ per eta aldono ĉiumonate. Egalas, ĉu tio estas korekteto de artikolo aŭ redaktado, ĉu traduko el alia vikipedio aŭ komplete nova artikolo. Ĉiu kontribuo helpas daŭrigi la grandan taskon – supozeble temas pri la plej grava verkada tasko en la historio de Esperantujo. Se ĉiuj kune helpas, ni sukcesos eĉ pli bone!

***Lu Wunsch-Rolshoven (Germanio)***

## ESPERANTO-STRATO EN KROATIO

La 17-an de oktobro 2009 en la urbo Osijek en Kroatio estis solene malfermita Esperanto-strato. Akompana kultura programo allogis al Osijek 110 esperantistojn. La programo honoris kvin unuajn esperantistinojn el Osijek, kies adresoj troveblas en la Unua adresaro de Zamenhof, publikigita en 1889. Davor Klobucar, prezidanto de Esperanto-Societo "Liberiga Stelo", dum du jaroj intense esploradis faktojn pri la unuaj sudeŭropaj esperantistinoj. La motoro de la unua intereso pri Esperanto en tiu mondoparto estis Maria Magdalena Pilipich. Ŝia tombo estis malkovrita en la urbo Opatija. Esperanto-Klubo de Rijeka sukcesis ĉe urbaj instancoj deklari la tombon grava por la kroata kulturo, renovigis ĝin kaj transprenis sindevigon dum venontaj jaroj zorgi pri la tombo. Bela kroatlingva libro, kiu pritraktas historion de Esperanto en Osijek, sub la titolo "La kvin petaloj el Osijek" estis eldonita okaze de la festo. Radio raportis. La nova kroata ZEO videblas ĉe <www.esperanto.hr> .

***Spomenka Štimec (Kroatio)***

## KORTEGA HOTELO DE UEA ESPERANTIGIS SIAN RETEJON

Hotelo Van Walsum en Roterdamo havas unikan lokon en la historio de Esperanto: ĝi gastigis praktike ĉiujn prezidantojn kaj estraranojn de UEA de la lastaj 50 jaroj kaj multajn aliajn movadajn eminentulojn. Ankaŭ por aliaj esperantistoj tiu hejmeca familia hotelo estis natura elekto dum vizitoj al la movada ĉefurbo dank' al ĝia tradicia reklamo en la Jarlibro kaj proksimeco al la CO. La hotelo situas ĉe la bela parkstrato Mathenesserlaan je nur 3-minuta piediro de la sidejo de UEA.

Sojle de la novembra Malferma Tago, Hotelo Van Walsum aldonis al la lingvaro de sia retejo ankaŭ Esperanton. Kelkaj menueroj ankoraŭ ne estas tradukitaj, sed la ĉefa enhavo jam estas legebla en Esperanto. La Esperantan sekcion oni povas aliri klakante sur la Esperanto-flago en <www.hotelvanwalsum.nl/>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA 96-A JAPANA ESPERANTO-KONGRESO

La 96-a Japana Esperanto-Kongreso okazis de la 10-a ĝis la 12-a de oktobro en la urbo Kohu, 100 km okcidente de Tokio. La vetero estis bona, post tajfuno trapasinta la landon antaŭ kelkaj tagoj. Al la Kongreso aliĝis 379 personoj, dum el ili

234 personoj efektive ĉeestis la kongresejon. Aliaj estas simbolaj aliĝintoj aŭ hazardaj ne-vizitantoj. La kongresa temo estis "Esperanto, Tergloba lingvo de la 21-a jarcento – 150-a datreveno de Zamenhof". Laŭ la temo estis prelego de Huĝimoto Tacuo "La Fenestro al Ludovikito" kaj kontribuo de Kawanisi Teturoo, kiu kompilis la kongresan memoraĵon "Nova Zamenhofa Legolibro", kiu estas ekstrakto el la verkoj de Zamenhof, paralele en la japana kaj Esperanto.

Ne nur kongresanoj, sed ankaŭ aliaj civitanoj aŭskultis unuhoran "deklamadon" pri la vivo de Zamenhof, faritan japanlingve en la tradicia kaj speciala deklam-arto nomata "koodan", de profesia "koodan"-isto Kanda Kooyoo. En la kongresejo oni jam varbis por la Japana E-Kongreso en 2010, okazonta en Nagasako. Salutis Ho Song, la vizprezidanto de Korea Esperanto-Asocio, speciale alvokante al la Komuna Kongreso de la 98-a Japana Esperanto-Kongreso kaj la 43-a Korea Kongreso de Esperanto, okazonta en 2011 en la korea urbo Busano. La kongres-urbo por 2012 estis decidita: ĝi okazos en Sapporo.

***(landa agado)***

## HUMPHREY TONKIN 70-JARA

La 2-an de decembro festis sian 70-an datrevenon prof. Humphrey Tonkin, eksa prezidanto de UEA kaj TEJO. Tonkin, kiu esperantistiĝis en 1956, estis estrarano de TEJO de 1961 ĝis 1971, de 1969 ĝis 1971 kiel prezidanto. En tiu periodo li fondis la revuon *Kontakto* kaj estis ĝia unua redaktoro. En 1974 li fariĝis prezidanto de UEA, kiun funkcion li plenumis dum du periodoj ĝis 1980. Kiel prezidanto li gvidis la redaktadon de la Statuto de UEA kaj firmigis la eksterajn rilatojn de la Asocio, i.a. kreante la Oficejon de UEA ĉe UN en Novjorko. Dum sia tria mandato kiel prezidanto, 1986-1989, li donis gvidon i.a. al la Jubilea Jaro de Esperanto 1987. En 2001 li revenis al la Estraro de UEA kiel vicprezidanto por unu trijara periodo. Li estas Honora Prezidanto de TEJO kaj membro de la Honora Patrona Komitato de UEA. Li estas ankaŭ membro de la Akademio de Esperanto kaj longtempa direktoro de la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj (CED) kaj kunredaktoro de ĝia revuo *Language Problems & Language Planning*. Tonkin estas konata ankaŭ kiel aktiva aŭtoro, tradukisto kaj recenzisto, kaj kiel ŝatata oratoro.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***




*Tonkin kaj Bronŝtejn en la solena akcepto dum UK*

## APERIS LA KANTARO DE PAŬLO MOĴAJEV




La 20-an de oktobro 2009 en renoma krimea eldonejo "Tavrija" estis eldonita la kantaro de Paŭlo Moĵajev "Serebrjanije stroki" (La arĝentaj linioj). La kantaron eniris la kantoj por versaĵoj de poetoj de la rusa Arĝenta epoko, komponitaj diverstempe (inter 1996 kaj la lasta somero). La kantoj estas prezentitaj en kutima not-prezento de la voĉa kaj piana partioj. La antaŭa kaj malantaŭa kovrilpaĝoj estas plenkoloraj, sur la malantaua estas prezentita foto de la aŭtoro kun mallonga vivresumo (i.a., estas dirite ankaŭ, ke mi "serioze okupiĝas pri la internacia lingvo Esperanto").

Entute sur 68 paĝoj estas prezentitaj 18 kantoj por versaĵoj de 11 poetoj. La eldonkvanto de la kantaro estas 200 ekzempleroj; se iu interesiĝas pri akiro de la papera versio, kontaktu min <paulo.mojxajev@gmail.com>, la prezo de la kantaro estas 20 hrivnoj (plus sendokostoj). Post iom da tempo mi planas aperigi la pdf-versiojn de la kantoj en la reto. Oni povas legi iom pli da detaloj kaj ekvidi la kovrilon de la kantaro en mia blogo <http://mevamevo.livejournal.com/65677.html>.

***Paŭlo Moĵajev (Jalta, Ukrainio)***

## SEP BIBLIOTEKOJ PROFITIS EL LA APOGO THORSEN

Sep Esperanto-bibliotekoj baldaŭ pliriĉiĝos per libroj, kiujn ili gajnis kiel ĉijarajn subvenciojn de la Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen. Tiun ĉi specialan kason de UEA donacis en 1997 la dana Esperanto-poeto Poul Thorsen kun sia edzino Roma, ambaŭ forpasintaj en 2006. Pri la disdono decidis la estrarano de UEA pri kulturo Claude Nourmont kaj la ĝenerala direktoro Osmo Buller.

Entute 1200 eŭroj dividiĝis inter la beninaj kluboj Sankta Harmonio kaj Monda Familio (kune 255 eŭroj), Esperanto-Grupo Lazaro Luiz Zamenhof el Brazilo (113 eŭroj), Biblioteko Interlingvistika Fenikso el Venezuelo (260 eŭroj), Milana Esperanto-Klubo el Italio (150 eŭroj), Meksika Esperanto-Federacio (260 eŭroj) kaj Es-

peranto-Asocio de Angers el Francio (162 eŭroj). Aliajn petojn UEA ne ricevis.

La Biblioteka Apogo Thorsen donos subvenciojn ankoraŭ en du jaroj. Petoj por la sekva disdono devos atingi la Centran Oficejon ĝis la 15-a de oktobro 2010. Kun la peto oni sendu liston de dezirataj libroj, kiuj estu ordigitaj laŭ dezirindeco.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2010

La gvida Esperanta artkonkurso, la Belartaj Konkursoj de UEA, invitas partoprenantojn por la 61-a fojo. La rezultojn oni anoncos en la 95-a Universala Kongreso en Havano. Partopreno estas libera al ĉiuj kaj ne ligita al partopreno en UK. La konkursaĵoj devas esti neniam antaŭe publikigitaj en ajna formo, escepte de infanlibroj. Oni rajtas sendi maksimume tri konkursaĵojn por sama branĉo. Validas krome la jenaj kondiĉoj:

**Poezio**: maksimuma longo ne fiksita;

**Prozo**: maksimuma longo 200 × 65 karaktroj (kvino da paĝoj);

**Teatraĵoj**: maksimuma longo ne fiksita;

**Eseo**: teme ligita kun Esperanto aŭ kun la kongresa temo *Interproksimigo de kulturoj*, proksimuma longo 400 × 65 karaktroj (deko da paĝoj); la unua premio nomiĝas "Luigi Minnaja";

**Infanlibro de la Jaro**: originala aŭ tradukita libro por infanoj presforme aperinta en 2009. Unu premio.

Ĉiujn konkursaĵojn – en unu ekzemplero, escepte de tiuj por la branĉo Infanlibro – oni devas sendi al Belartaj Konkursoj de UEA, ĉe *Michela Lipari, viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio,* aŭ prefere rete al la adreso <michela.lipari@tiscali.it>, indikante pseŭdonimon por gardi la anonimecon de la aŭtoro.

**Filmo** kaj **Kanto**: ĉi-foje, eksperimente, la juĝantaroj mem elserĉos premiindajn verkojn.

**Premioj**: unua premio 240 eŭroj, dua premio 168 eŭroj, tria premio 96 eŭroj; Nova Talento 168 eŭroj; Infanlibro de la Jaro 504 eŭroj.

Detala regularo haveblas ĉe UEA kaj legeblas ankaŭ ĉe <www.uea.org/dokumentoj/belartaj_konkursoj_regularo.html>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

### Judo neniam mortas pro malsato

La servisto rakontis al la rabeno en la juda urbeto, ke iu loka judo mortis pro malsato.

Rabeno (kolere): "Ne estas eble, ke judo mortu pro malsato! Kial li ne venis al la komunumo por peti monhelpon?"

Servisto: "Ĉar li hontis."

Rabeno: "Nu, ĉu mi ne diris al vi ke judo neniam mortas pro malsato?! Li ja mortis ne pro malsato, sed pro fiereco!"

***juda humuraĵo de Josef Shemer***

## MUZIKAJ NOVAĴOJ ĈE VINILKOSMO

**Ĵomart kaj Nataŝa – *"ĴomArtaĵoj – la ruĝa albumo"***

Ĵomart kaj Nataŝa estas duopo kiu komencis kanti Esperante en 1987 en Kazaĥio. Antaŭ tio, ekde 1983, Ĵomart kantis unue sola, kaj poste – kun sia Esperanto-




rokgrupo "Kredo". Ĝis 1991 la duopo loĝis en Kazaĥio kaj multe vojaĝis koncertante dum diversaj E-aranĝoj. Tie ili aperigis la plej unuan en tiama Sovetio vinilan diskon "Somera mondo" (1989). En 1991 la paro translokiĝis al Svedio, kie ili eldonis tri kasedbendojn kaj 2 lumdiskojn: "Valso por amikoj" en 2000 kaj "Amu min" en 2003.

"ĴomArtaĵoj – la ruĝa albumo" estas la unua KD el serio de tri planataj. Ĝi celas reludon kaj rekantadon de ĉiuj iliaj plej ŝatataj kantoj iam registritaj el jam elĉerpitaj kasedoj kaj KD-oj. La plejparto de la kantoj sur ĉi tiu kaj planataj albumoj estos malnovaj, bone konataj kaj ŝatataj. Kelkaj kantoj ŝanĝiĝis survoje, ja la paro kantas ilin jam dum pli ol 20 jaroj! Kompreneble la aranĝoj de la kantoj estas pli modernaj kaj pli riĉaj ol antaŭe. La registrado estas pure akustika, kaj la intenco estas krei la saman varman kaj intiman etoson kiun oni sentas dum iliaj koncertoj. Jen do remalkovru, aŭskultu kaj ĝuu la unuan KD-on de la kolekto!

**Kapriol'! – *"Aventur'"***

La unua albumo de "Kapriol'!" aperis okaze de ilia 3-a koncerto por KEF (Danio). La frisa bando "Kapriol'!" (Nederlando) estiĝis spontane dum balfolkaj (popolbalaj) vesperoj. La muzikistoj de la muzikgrupo jam ludis sur multaj festaj scenejoj. Marita kaj Marian ludis dum longaj jaroj en la Esperanto-grupo "Kajto", kaj nun ili prezentiĝas en la duopo "Marianta" (flutoj, akordiono, kanto). Ad kaj Rutger jam abunde meritis siajn spronojn en la bandoj "Blue Tape Band", "60/60" (Ad), "Kalis" kaj "Sjock" (Rutger). Kvarope ili formas la novan grupon "Kapriol'!", kiu prezentas svingan kaj varian programon kun balfolkaj dancmelodioj kaj kantoj, fontantaj el tradiciaj repertuaroj nederlandaj aŭ memfaritaj. Koncize dirite, ili ludas kaj malnovan muzikon per novaj muzikiloj kaj memfaritan muzikon per malnovaj muzikiloj. Ĉion ili kombinas kun bela plurvoĉa kantado kaj plurkoloraj aranĝoj. Krom tio, improvizaĵo estas grava parto.

Ilia balfolka repertuaro konsistas el tradiciaj dancoj, skotiŝoj, polkoj, valsoj kaj mazurkoj, sed ankaŭ el viglaj dancoj kiel bureo kaj andro, aŭ ankaŭ rondodancoj kiel cirklo kaj ĵigo, en kiuj la partneroj daŭre interŝanĝiĝas.

**Carina – *"Carina kantas por vi en Esperanto"***

Ne tiom multnombras albumoj de porinfanaj kantoj en Esperanto. Tial la KD de Carina konsistas el kantoj registritaj de kiam ŝi estis ege juna ĝis 2009.

Carina komencis kanti Esperante estante 3-jara. La unuan fojon ŝi kantis de la scenejo antaŭ 400 partoprenantoj de la 3-a Azia Kongreso en Seulo (2002), kiam ŝi




estis 6-jara. La plej unua kanto, "Vojo al Luno", estis registrita en 2002, kaj aliaj kantoj – sinsekve laŭ ilia apero. Tial la temoj, melodioj kaj etoso de la kantoj estis elpensitaj kaj adaptitaj por preskaŭ ĉiu infanaĝo – de la malgrandaj infanoj ĝis adoleskantoj, ja Carina kreskis dumtempe. Kelkaj el la plej fruaj kantoj estis tradukitaj, sed plejparte estas originale verkitaj. Ĉiuj 10 kantoj estis aranĝitaj de Ĵomart kaj registritaj ĉe "JomArt's Studio" en Stokholmo. La KD ne estas nur por infanoj kaj iliaj gepatroj, sed por ĉiuj kiuj ŝatas bonan muzikon!

**EspoDespo – *"Esperante"***

Jen "Esperante", la nova albumo de "EspoDespo" – mallongigo de la nova vizaĝo de la bando "Esperanto Desperado". Tiu ĉi albumo estas frukto de preskaŭ trijara eksperimentado de sonoj, ritmoj, tekstoj kaj melodioj. Kvar amikoj – Amir, Karl kaj Laurent, plifortigitaj iom poste de Andrzej – membroj de la nova konsisto de "EspoDespo", preparis la KD-on ekde fino de 2005, malrapide sed persiste kaj entuziasme. Ili faris plurajn versiojn de ĉiu kanto, antaŭ ol la aranĝoj, registrado, miksado kaj mastrigado finiĝis – kaj nur post kiam la rezulto atingis kontentigan kvaliton por ĉiuj. Tio klarigas la longdaŭran preparadon de la albumo, kiu estis realigita kun atento, plezuro, sopiro, amo kaj espero.

La tekstoj de la kantoj priskribas temojn kiel la vivo kaj amo, homaj eraroj, senespero, mondmizero, ĝuo kaj sufero, perdo kaj trovo, milita sensenco kaj sensento, destino kaj libereco, steloj kaj maroj, dilemoj kaj homa espero.

Tekstoj de pluraj aŭtoroj estis uzitaj, interalie – poemoj de klasikuloj kiel Adam Mickiewicz, Nikolai Kurzens kaj Poul Thorsen. Muzike la kantoj estas diversstilaj: mondmuziko de afrik-eŭropa origino kun elementoj de popo, roko, foje eĉ ĵazo. Uzante originalajn muzikideojn, altkvalitajn tekstojn kaj sugestivajn voĉojn, la kvar despo-anoj sukcesis unuigi ĝenran diversecon en sia propra, originala stilo. Pluraj gast-artistoj apogis la muzikverkon, inter kiuj – Alejandro Cossavella (Ale) kaj Jean-Marc Leclercq (JoMo), kiuj registris siajn belegajn voĉojn en po unu kanto. Krome, ankaŭ aŭdeblas belegaj sonoj de trumpeto de David-Emil Wickström, akordiono de Emir Bosnjak kaj gitaro de Dino Pehilj.

Kaj premiero por Esperanto-artisto: la albumo estis eldonita interrete tra elŝutretejoj kaj sen muzikproduktejo. La fizika albumo estas presita malgrandkvante de la bando mem kaj distribuata per la Vinilkosmo-katalogo.

**Tone – *"Repe, Ritme , Sone..."***

La Brazila artisto Tone (Antonio Moreira Filho) el San Paŭlo ekkonatiĝis en brazilaj aranĝoj kaj kongresoj ekde 2005-2006 per la furora "Nova kanto".

Tone estas talenta aŭtoro de repaj tekstoj, kiuj esprimas lian ĉarmon pri la vivo pere de la Esperanta lingvo laŭ bonegaj ritmaj repaj sonbatoj fare de brazilaj muzik-kunlaborantoj.

Post longa laborado kaj strebado Tone finpreparis tiun ĉi 7-titolan albumeton por eŭropa turneo dum la somero 2009 kun koncertoj en KEF en Danio, IJK en Ĉeĥio, UK en Pollando kaj FESTO en Germanio.

"Repe, ritme, sone..." estas la nomo de tiu unua hiphopa verko de Tone. La KD aperis al la publiko en julio ĝuste dum la Kultura Esperanta Festivalo – KEF 2009, en Helsinoro (Helsingør), Danio.

Laŭdo al Esperanto, valorigado de la "ni", danco, paco, kaj amo estas temoj prezentataj en tiu verko.

Tone invitas nin pensi pri ni mem. Ni devas estis ĉiam la kerno de ĉio. Ni estas pli ol io ajn. Ni, la homoj, estas la ĉefa afero en la mondo. Nenio estas pli grava ol ni mem kaj nia kara planedo Tero.

**Kaj Tiel Plu – *"Surplacen Venu Vi"***

Post "Sojle de la klara temp'"(2001) kaj "Plaĉas al mi" (2004) la kataluna bando "Kaj Tiel Plu" daŭre proponas vojaĝon tra muzikoj de la mezepoko kaj de la tradicioj kataluna, okcitana kaj sefarda. Krome, reaperis la originala spirito de la bando, kiu en sia komenco trinkis el internacia repertuaro, kaj proponas ankaŭ kantojn kaj dancojn el Kroatio, Kabilio, Danio kaj Anglio.

La unua disko estis pli mezepoka, la dua estis pli tradicia. "Surplacen venu vi" estas pli direktata al dancmuziko kaj montras maturiĝon de la bando, kiu prezentas kantojn kaj dancojn per tre bunta kaj riĉa muzikilaro kiel gitaro, mandolino, kontrabaso, violono, flutoj, gambovjolo, akordiono, diversaj perkutiloj, koruso kaj ĉefa melodia voĉo.

> Kruko kaj Baniko devas trovi adreson en nekonata kvartalo. Bonŝance, ili trafas grandan stratmapon. Ili zorge serĉas en la stratnomaro. Baniko rimarkas ke sur la mapo estas ruĝa kadro kun granda ikso kaj la vortoj "Vi estas ĈI TIE". Li timeme rigardas ĉirkaŭ si kaj tremvoĉe diras: "Sed kiel ili ĉiam SCIAS!?"
>
> ***(esperanto-anekdotoj)***

La kantoj, tradukitaj al Esperanto, tute ne perfidas ties originalajn lingvojn. La libreto prezentas kaj la kantatan esperantaĵon kaj la kanton en la originala lingvo (okcitana, kataluna, judhispana, kroata, amaziga kaj hispana), kaj do utilas al diskonigo de la diversaj tradicioj kaj atingas la korojn de tre diversspeca publiko.

Kiel en du antaŭaj albumoj, la disko komenciĝas per mezepoka melodio kaj finiĝas per tradicia kanto de la hispana civila milito.

Tiu KD inkluzivas 10 instrumentajn versiojn de la kantoj por karaokeo kaj videon pri la bando en la studio.

**"Esperanto estas..."**

La DVD "Esperanto estas" estas aktuala informfilmo pri Esperanto direktata al la ne-Esperanta publiko. La ĉefa celo estas prezenti Esperanton de interne, vivantan, modernan kaj plene funkciantan kiel internacia lingvo kun multnombraj facetoj kaj karakterizoj.




Ĉiu el la 6 partoj de la filmo montras diversan aspekton de la lingvo.

La originala versio estas en Esperanto. Sume la dublaĵoj de la voĉoj en la filmo estas en 6 diversaj lingvoj kaj en 20 subtitolitaj!

Jen estas la filmo kiu evitigos homojn fari la stultajn demandojn: ĉu Esperanto estas parolata? ĉu ĝi havas kulturon? kiu parolas ĝin kaj kie? ktp.

Nepre havinda en via videoteko por ĉion scii pri Esperanto!

***Mendi la supremenciitajn diskojn aŭ aŭskulti ties fragmentojn eblas ĉe la ttt-ejo <http://www.vinilkosmo.com> .***

### *Vinilkosmo-mp3.com lanĉiĝis oficiale ekde julio!*

Post longega preparado, finfine ni havas la plezuron anonci al vi ke ni malfermas publike novan retejon (MP3 kaj OGG-servo) komplementan al la jam konata <www.vinilkosmo.com>, kiu ebligos al vi akiri laŭleĝe per elŝutado de Esperanto-muzikaĵojn en formo de komputilaj dosieroj.

La retejo evoluos en la venontaj monatoj, ĉar momente nur la kategorioj "Popo-Roko-Hiphipo-Elektronik" kaj "Kanzono-Tradicia" estas provizitaj per la eldonitaj albumoj de Vinilkosmo.

Sekve la ceteraj albumoj de la katalogo de Vinilkosmo estos iom post iom aldonitaj laŭ la interkonsentoj kun la artistoj.

Ankaŭ virtualaj albumoj neeldonitaj estas en preparado por ilia baldaŭa enretigo ("JoMo kantas Mayoma-n" kaj "Eterne Rima"), kaj estas planataj enretigo de malnovaj kasedalbumoj kiel ekzemple "62 minutoj" de "Persone".

Ni invitas vin viziti kaj malkovri tiun ĉi novan servon de Vinilkosmo, kaj antaŭ ĉio, por bone kompreni kiel funkcias la MP3-servo, bonvolu legi la "Helpkonsilojn" en la maldekstra menuo malsupre ĉe "Informoj".

Ni esperas ke ĉi tiu nova retejo plaĉos al vi kaj ke vi venos ofte por viziti ĝin, sekvi kiel ĝi evoluas kaj malkovri la albumojn (aŭskultado de ĉiuj muzikaĵoj), kio ankaŭ povas esti utila por elekti kaj aĉeti la KD-ojn ĉe Vinilkosmo.com.

Bonvenon al <http://www.vinilkosmo-mp3.com>.

Plej muzikajn salutojn al ĉiuj legantoj!

***Floréal Martorell kaj Mark Eaton***